1998



# Kongresa Kuriero



KOKO
N-ro 1
Sabate la 1-an de aŭgusto

83-a Universala Kongreso de Esperanto
* Montpellier *

# Bonvenon!

Vi sukcesis alveni, espereble vi havis agrablan vojaĝon, trovis la vojon al via loĝejo, kaj evidente al la kongresejo ĉar vi legas la *Kokon*! Ĝuu la kongreson kaj vivigu Esperanton en nia ĉi-jara ĉefurbo de Esperantujo!
– LKK

**Prezento-Bleko de via *Koko***

Jen la unua numero de via *Kongresa Kuriero*. Ĝi plej ofte, laŭeble ĉiumatene, informos vin pri

- okazintaĵoj dank' al oficialaj raportoj de organizintoj
- okazontaĵoj, ĉefe reliefigo, rememorigo, ankaŭ pri program- kaj salon-ŝanĝoj.

Sed, sed, sed, ankaŭ vi, karaj gekongresanoj, havos eblecon partopreni la informfluon pere de kvin skatoloj, el kiuj *Koko* ĉerpos mallongajn kontribu-proponojn.



**Alta Protektanto de la 83-a UK estas s-ino Marie-George Buffet, ministrino pri junularo kaj sporto.**

Ŝi komunikigas ke "Konsiderante la valoron de tiu aranĝo, kiu samtempe kunigos infanojn el diversaj landoj en Kongreseto en Sommières, kun plezuro la ministrino donas al vi sian altan protekton. Ŝi esprimas ĉiujn siajn kuraĝigojn al la partoprenantoj kaj organizantoj de tiuj tagoj, kiuj tutcerte havos realan sukceson."

## Gazetara Servo de la Kongreso

Vendrede, je la 11-a matene, ne multaj ĵurnalistoj ĉeestis la unuan gazetaran konferencon.

Tamen, kun esperantistoj, estis ĉ. 20 personoj kiuj ĉeestis en la salono. Bruno Flochon, nia respondeculo pri informado, enkondukis la kunvenon prezentante niajn oficialulojn: Michela Lipari, ĝenerala sekretariino de UEA; Claude Nourmont, prezidantino de la LKK kaj de UFE; Nikola Raŝic, KKS; Pasquale Zapelli, direktoro de la Centra Oficejo. Ĉiu, laŭvice kaj laŭ aparta angulo, prezentis la Universalan Kongreson kaj la lingvon Esperanto. Inter la multaj demandoj, la plej ofta estis "Kiom da Esperanto-parolantoj tra la mondo?". Kiu scias respondon, kiu scias kiom da ŝakludantoj estas tra la mondo?

Koktelo finis tiun aranĝon dum kiu oni povis pli persone diskuti kun ĵurnalistoj. Dume okazis intervjuoj de Claude, kiu ankaŭ posttagmeze respondis telefone al Radio France Inter. Se vi bonŝancos, vi povos aŭdi ŝin lundon matene.

Nikola Raŝic intervjuiĝis de *Radio Monte-Carlo* kaj Bruno de *BFM*. Ĉeestis ĵurnalistoj de agentejoj AFP (Agence France-Presse) kaj Doc d'Oc, plus ĵurnalisto de taĝjurnalo *Midi Libre*.

### Elfalis el la Kongres-Libro

pâgon 10 "Sinceran Dankon"
Firmao Materne: s-ro Philippe Comte
S-ro Fanise el DRAC (Regiona Direkcio de la Ministerio pri Kulturo)

pâgon 72 "La Freychède"
Fine: Esperant-lingve 33 (0) 561 + ĉiuj 6 ciferoj laŭ la homo.

### Cseh-Kurso kaj Cseh-Seminario estas arangôj aparte pagendaj!

Ĉiu kiu deziras partopreni, bonvolu pagi ĉe la enirpordo de **salono Cart**. La aliĝintoj nepre havu ĉe si ĉiutage la kvitancon por rajti eniri en la salonon!

Se estas interesitoj por observi la funkciadon de la metodo, tiuj rajtas ĉeesti, sed la organizantoj petas ilin resti en la salono de la komenco ĝis la fino de la leciono. Por tiu observado oni devas pagi po 70,00 FRF por ĉiu leciono kaj tion oni povas fari ĉe la enirpordo de al la salono de la Cseh-aranĝoj.

## Horo de hobioj

**Hun(d)-amantoj** kaj aliaj.... Se vi havas specialan hobion, bonvolu anonci tion urĝe ĉe la giĉeto "Informejo" por ke ni preparu ŝildon pri tio por la interkona vespero. Ĉe diversaj tabloj ni aranĝas tiun rendevuon. Jam sin anoncis fervoruloj (frenezuloj?) pri genealogio, filatelio, kolektantoj de biersubumoj, fromaĝetikedoj, sukerparperoj, poŝtkartoj....

## Bonaj novaĵoj

### Trinki!

Soifemuloj povos trinki en la kongresejo
— la tutan tagon ĉe bufedo je nivelo 0
— de la 8.30 ĝis la 11.30 kaj de la 14-a ĝis la 18-a ĉe bufedo je nivelo 2, eventuale ankaŭ pli malfrue depende de la programoj
— de la 11-a ĝis la ? ĉe *1001 Lingvoj* (nivelo, 2 apud la librovendejo)
— inter la 11.30 kaj la 14.00 (sabate)
— inter la 11.30 kaj la 14.00 kaj inter la 18.00 kaj la 20.00 (lunde, merkrede, ĵaŭde, vendrede)
Ekster la kongresejo dimanĉe, lunde, marde vespere ĉe (L)KK trinkejo

### Manĝi aŭ manĝeti!

En la supre menciitaj trinkejoj. Por manĝi kaj trinki en nia kongresa restoracio, vi nepre devas aĉeti **kuponojn** ĉe la informejo aŭ ĉe la kongresa restoracio mem.

### Demando-Ludo

Vi en ĉiu *Koko*-numero vidos bildon. *Koko* demandas kaj vi respondu. Poste el ĝustaj respondoj ni hazarde elektos gajnonton de unu libro donacota de la Libro-Servo de UEA. Unua demando: **kie troviĝas la centro de la urbo** (*le centre ville*)? ... Ne rajtas respondi Montpellier-anoj.

### *Libro-Servo*

Vi havas eblecon aĉetumi en la plej granda Esperanto-librejo de la jardeko – 10.000 libroj de 1.250 titoloj.




### Pri la parkumejo

**Atentu bone!**

Karaj aŭtomobilistoj, por ĝui la specialan rabaton ĉe la parkejo "Corum", aĉetu la specialan karton ĉe la deĵoranto nivelo -2. Por pruvi vian kongresanecon, sufiĉas kaj necesas montri vian kongresinsignon.

## Salono Chicot

Atentu, estas eraro sur la plano (p. 16, nivelo 1) en la kongreslibro: **salono Chicot** estas tuj dekstre de **salono Sébert**.

Cetere, ni bezonas gehelpantojn por la infanejo **(salono Chicot)**.



## IKU-libro

La ok prelegoj de **Internacia Kongresa Universitato** aperos libroforme, aĉetebla ĉe la **Libro-Servo**. Prezo: 40 FRF.

## Neĝo dum UK?

Dank' al dio ke la adelajda UK ne okazas ĉi-jare. Okazis eĉ neĝo en la montetoj hieraŭ; duono de la popolo iris tien por ĝin rigardi. Bonŝancon!

## Poŝto

"La Poste" malfermos oficialan giĉeton kun tradukisto en la kongresejo mem, proksime de la akceptejo, ekde lundo la 3-a de aŭgusto ĝis sabato la 8-a, laŭ sekva horaro:

| | |
|---|---|
| **lunde** | **de la 9a00 ĝis la 12a30** |
| **merkrede ĝis sabate** | **de la 8a30 ĝis la 11a00** |

Tiu giĉeto afrankos ĉiujn poŝtaĵojn; vendos poŝtmarkojn; filatelaĵojn; antaŭe afrankitajn kartojn, kovertojn, kaj pak-skatolojn al la tuta mondo; akceptos en aparta leterkesto poŝtaĵojn ricevontajn specialan filatelan stampon.

Por la financaj servoj de la Poŝto (monŝanĝo, pago de poŝtĉekoj...), ni konsilas al vi iri prefere al la ĉefa poŝtoficejo, **Hôtel des Postes**, rue Rondelet, iom sude de la Historia Centro de Montpellier. Tiu poŝtoficejo funkcias ĉiutage de la **8a00 ĝis la 19a00, sabate ĝis la 12a00**.

## Ekskurso-busoj

Ĉiuj busoj por ĉiuj ekskursoj de ĉiuj tagoj (krom marde) ekforiros kaj realvenos en *Allée de la Citadelle*, inter Corum kaj la fervojo.

**Escepto**: marde la 4-an de aŭgusto, ĉiuj busoj por la tuttagaj ekskursoj ekforiros kaj realvenos en parkejo *Joffre*, tuj malantaŭ la fervojo.

Vidu planetojn afiŝitajn en la kongresejo).



**Novaj aliĝoj**

| | | |
|---|---|---|
| 2853 | sipl-s | **S-ino Simona Pleuteri,** Via Monticello 6, IT-22040 Anzano del Parco, Italio |
| 2854 | abpi-m | **S-ino A. Barbara Pietrzak,** ul.Mieldzynarodowa 38/40 A m 217, PL-03-922 Warszawa, Pollando |
| 2855 | tbor-l | **F-ino Tatiana Bortnjak,** Podolskaja 38/76, UA-28000 Hmelnickij. Ukrainio |
| 2856 | adun-n | **S-ino Dalia Kaduniene,** Uosupio 18-42, LT-4520 Marijampole, Litovio |
| 2857 | bagd-w | **S-ino Terese-Genovaite Bagdoniene,** I.Basanavičiaus 51-15, LT-3009 Kaunas, Litovio |
| 2858 | jaon-c | **S-ino Ona-Anele Jakobsoniene,** str. Paryz\|<iaus Komunos 20-13, LT-5802 Klaipeda, Litovio |
| 2859 | skia-r | **S-ro Adomas Skiezcelas,** Turgaus G 9-7, LT- Klaipeda, Litovio |
| 2860 | skie-x | **S-ino Skiezgelaite Ieva,** Turgaus 9-7, LT-5800 Klaipeda, Litovio |
| 2861 | gueg-x | **S-ino Francine Gueneugues,** 9 allée de Cornovaille, FR-29280 Plouzane, Francio |
| 2862 | krtx-j | **Karine Texier,** 4 cours Kennedy, FR-35000 Rennes, Francio |
| 2863 | lafo-d | **S-ino Charlotte Lafon,** 43, rue Raoul Servant, FR-69007 Lyon, Francio |
| 2864 | gatt-k | **Prof. Geraldo Mattos,** Rua Nicarágua 2141, BR-82515-260 Curitiba - PR, Brazilo |
| 2865 | jauc-h | **S-ro Ciprian Jauca,** 3318 West 13th Ave, Vancouver B.C., Kanado V6R 2R9 |
| 2866 | dckr-e | **S-ro Charles Dockery,** Davidson Coll French Dept., Box 1719, Davidson NC 28036, Usono |
| 2867 | mbge-s | **S-ro Jean-Marie Mboge Mbele,** B.P. 1816, CM- Douala, Kamerunio |
| 2868 | orta-m | **S-ro Francisco Orta Soler,** El Hierro 10, ES-38108 Taco - La Laguna, Hispanio |
| 2869 | prma-m | **S-ino Marie Priehodova,** Na Výsluni 855, CZ-671-67 Hrušovany nad Jev., Ĉeĥio |
| 2870 | dlau-c | **Damien Laurent,** 101 impasse General Bugeaud, FR-34070 Montpellier, Francio |
| 2871 | espl-q | **Essendiléne Prolonge,** , FR-52160 Bay sur Aube, Francio |
| 2872 | fdam-k | **Frederic Dambreville,** 155 F ave du General Leclerc, FR-35700 Rennes, Francio |
| 2873 | jaes-r | **S-ino Jae-sun Jung,** Boi Kunyoung-Park Mansion 13 Block 5 lot Shinchon-dong Shihung-shi, Kyoung-gi-do - 429-020, Korea Resp. |
| 2874 | neno-h | **S-ro Neven Kovaĉic,** Koolmarkt 108 Bus 3, BE-1000 Brussel, Belgio |
| 2875 | jnme-q | **S-ro Jinon Meirl,** 24 Harakafot-str., IL-36053 Kirjat-Tivon, Israelo |
| 2877 | ssil-q | **S-ino Silvana Esposito,** via G. Janelli 44, IT-80131 Napoli, Italio |
| 2878 | baph-s | **Daniela Bauzá Phillips,** 23 Milward Road, Hastings, Britio TN34 3RP |
| 2879 | bwll-a | **S-ro Peter Bolwell,** 84 Mount Road, Hastings, Britio TN35 5LA |
| 2880 | saph-k | **S-ino Sally Phillips,** 84 Mount Road, Hastings, Britio TN35 5LA |
| 2881 | bojo-r | **S-ro Igor Bojovic,** Husinskih Rudara 20, YU-11000 Beogrado, Jugoslavio |
| 2882 | dnem-c | **S-ino Danica Markovic,** Mikčevicevа 24/4, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2883 | drgn-v | **S-ino Dragana Stanojevic,** Kneza Lazara L2/11/28, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2884 | ceac-x | **S-ino Nevena Petrovic,** Milana Mijalkovica 34/15, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2885 | enka-c | **Milenka Andjelkovic,** Sutjeska 4, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |

| | | |
|---|---|---|
| 2886 | iric-g | **C\|<edomir Stanojevic,** Kneza Lazara 12/11/28, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2887 | jaic-d | S-ino **Marija Markovic,** Jovana Skerlica 3, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2888 | ktkm-q | S-ino **Katarina Komarek,** Milana Mijalkovica 32, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2889 | lent-m | **Valentina Jeremic,** Kneza Lazara L4 2/14, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2890 | mlnc-w | **Milena Cvetkovic,** Mlinska B.B., YU-35000 Cuprija, Jugoslavio |
| 2891 | mlsl-j | S-ino **Mila Slavkovic,** Kneza Lazara 2/11/6, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2892 | mrkm-s | **Marko Miloŝevic,** Beliĉka 28/4, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2893 | ndjl-p | S-ro **Ljubomir Andjelkovic,** Sutjeska 4, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2894 | nemi-p | S-ino **Nevena Miletic,** Jug.Bogdanova 6/12, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2895 | obrm-i | S-ro **Miloŝ Obradovic,** Cerska 1/1, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2896 | paic-r | S-ino **Napa Miletic,** Branka Radiĉevica 2, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2897 | sagi-p | S-ro **Andrija Sagic,** Brace Dirak 7, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2898 | sapi-f | S-ro **Saŝa Pilipovic,** D.Davidovica 21, YU-34000 Kragujevac, Jugoslavio |
| 2899 | sarc-b | S-ino **Ljubinka Ŝarĉevic,** H.Mustafina 18, YU-11000 Beogrado, Jugoslavio |
| 2900 | stec-u | S-ro **Ĉedomir Stanojevic,** Kneza Lazara 12/11/28, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2901 | trov-v | S-ro **Nenad Petrovic,** Dositejeva S 6/2, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2902 | vemi-z | S-ino **Vesna Miletic,** Jug.Bogdanova 6/12, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2903 | vlkr-t | **Vladimir Krstic,** Sl.Djurdjevic D3/111/3, YU-35000 Jagodina, Jugoslavio |
| 2904 | orjo-i | S-ro **Jozsef Orszagh,** 11, clos des Tuileries, BE-7000 Mons, Belgio |
| 2905 | jure-b | S-ino **Julie L. Regal,** Apdo. Postal 2071, Cuernavaca, Mor. 62000, Meksiko |
| 2906 | nanr-e | S-ino **Valentina Maria Nan,** Str. Petre Dulfu 4/29, RO-4800 Baia Mare, Rumanio |
| 2907 | lnch-l | S-ro **R. Paul Lynch,** 375 North Dr. apt. J5, North Plainfield NJ 07060-3749, Usono |
| 2908 | ibrk-c | S-ro **Ivan Brkanac,** Bartolici 11, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 2909 | vzor-n | S-ro **Zoran Vukas,** Zaharnikova 28, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 2910 | lonc-p | S-ro **Antun Lonĉaric,** Reisnerova 81, HR- Osijek, Kroatio |
| 2911 | cean-i | S-ino **Cécile Anda,** Esperantoveien, Li, NO-4320 Hommersa\|ok, Norvegio |
| 2912 | hien-w | S-ro **Jan Christof Hienerwadel,** Eppendorfer Baum 4, DE-20249 Hamburg, Germanio |
| 2913 | jcpb-a | **Sino Judith C.P. Bastianelli,** 34 Kimball St., Lebanon NH 03766, Usono |
| 2914 | crau-m | S-ino **Cornelia Rau,** Mühlweg 3a, DE-09599 Freiberg, Germanio |
| 2915 | vmal-i | **Dipl. Inĝ. Veikko Mäki-Luopa,** Paasitie 20 A, FI-00830 Helsinki, Finnlando |
| 2916 | nece-x | S-ro **Nerijus Cerneviĉius,** Veiveriu str. 118-1, LT-3018 Kaunas, Litovio |
| 2917 | dmha-t | **Dominika Handzlik,** ul. Braterska 41, PL-43-346 Bielsko-Biala, Pollando |
| 2918 | jeha-f | S-ro **Jerzy Handzlik,** ul. Braterska 41, PL-43-346 Bielsko-Biala, Pollando |
| 2919 | mhnd-d | **Monika Handzlik,** ul. Braterska 41, PL-43-346 Bielsko-Biala, Pollando |
| 2920 | mrha-m | **Margareta Handzlik,** ul. Braterska 41, PL-43-346 Bielsko-Biala, Pollando |
| 2921 | gjou-y | S-ro **Gilles Grandjouan,** 60 rue de Lunaret, FR-34090 Montpellier, Francio |
| 2922 | jtau-s | **Jacme Tauplac,** Collegi d'Occitania La Piboleta, Sant Marçal, FR-82000 Montalban, Francio |
| 2923 | mgll-a | S-ino **Michèle Gallet,** 9, chemin du Chapitre, FR-38100 Grenoble, Francio |
| 2924 | mloi-o | S-ro **Loïc Morisot,** 42 rue Mathurin Morin, FR-22360 Langueux, Francio |
| 2925 | rggn-a | S-ro **Raymond Gueguen,** res. Jeanne d'Arc 4D, rue des Soeurs de la Rivière, FR-87000 Limoges, Francio |
| 2926 | cojo-p | S-ro **Jonathan Cooley,** 10 Wilson Road Englefield, Egham, Surrey, Britio TW20 0QB |
| 2927 | dreu-c | S-ro **David Curtis,** 7 St. Jude's Terrace, Weston-super-Mare, Britio BS22 8HB |
| 2928 | baak-l | S-ino **Kerstin Baasch,** Scharpenmoor 74e, DE-22848 Norderstedt, Germanio |
| 2929 | nani-x | S-ino **Ioana Nan,** Str. Petre Dulfu 4/29, RO-4800 Baia Mare, Rumanio |
| 2930 | nnio-a | **Ionut Nan,** str. Petre Dulfu 4/29, RO-4800 Baia Mare, Rumanio |
| 2931 | elmi-m | S-ino **Eliŝka Mikuŝová,** Kosmonautu 190, CZ-34401 Domazlice, Ĉeĥio |
| 2932 | assl-m | **Anne-Sophie Saliba,** Impasse du Lot 80, FR-69210 Savigny, Francio |
| 2933 | bepr-i | S-ro **Benedek Princz,** Tátra u. 4.II.3, HU-1136 Budapest, Hungario |
| 2934 | szla-m | S-ro **László Szilvási,** P.K. 87, HU-1675 Budapest, Hungario |
| 2935 | bkat-o | S-ino **Kataryna Bucholc,** Falata 66/17, PL-87-100 Torun, Pollando |
| 2936 | blpr-n | S-ro **Przemyslaw Blawat,** Sosnowskiego 3/13, PL-85-796 Bydgoszcz, Pollando |
| 2937 | ckat-m | S-ino **Katarzyna Chmura,** Konopnickiej 34/4, PL-85-125 Bydgoszcz, Pollando |
| 2938 | izdc-s | S-ino **Magdalena Izdebska,** Mickiewicza 26/9, PL-88-400 Znin, Pollando |
| 2939 | pshi-p | S-ino **Shirley P. Progiante,** Rua Almeida Branda\|~o 17-71, BR-17044-060 Baurú, Brazilo |
| 2940 | hdza-s | S-ro **Amir Hadziahmetovic,** Hans Olriksvej 2,4, DK-2540 København SV, Danio |
| 2941 | mnia-u | S-ino **Nahid Mohamedi-Nia,** c/o Ulriga Brydes Alle 58 3MF, DK-2300 S København, Danio |
| 2942 | fntr-j | S-ro **Rolf Peter Fantom,** 92 Enborne Rd., Newbury, Britio RG14 6AN |
| 2943 | serg-v | S-ro **Serge Granier,** 10 bis, rue Chaptal, FR-11100 Narbonne, Francio |
| 2944 | cril-z | S-ro **Cristophe Labour,** 11 monte du Garignan, FR-69005 Lyon, Francio |
| 2946 | svre-g | S-ro **Marc Savre,** 117 avenue Général Leclerc, FR-91190 Gif Sur Yvette, Francio |
| 2947 | soln-g | S-ino **Gaspard Solen',** Foyer Culturel Boulevard Pasteur, FR-46100 Figeac, Francio |
| 2948 | ahet-j | S-ino **Akhtar Etemadi,** 3 floor (gharbi) No 25 K Agha Mohamadi, St Bahar Shomali, Tehran 15747, Irano |
| 2949 | kony-b | S-ro **Zoltán Kőnyves** str. Cserény 1, 6114 Bugac, Hungario |
| 2950 | yudi-v | S-ro **Rüdiger Eichholz,** RRI, Bailieboro, Ontario, Kanado |
| 2951 | bolp-g | S-ro **Reiner Boesplug,** Linderberger Str. 16, DE-67067 Ludwigshafen, Germanio |
| 2952 | ambl-u | S-ino **Anne Amblès,** 10 rue Rossignol, FR-55000 Bar le Duc |
| 2593 | | S-ro **George D. Winkler,** Landstr. 163, FL-9494 Schaan, Liĥtenŝtejno |



# Kongresa Kuriero



83-a Universala Kongreso de Esperanto
* Montpellier *

KOKO
N-ro 2
Dimanĉe la 2-an de aŭgusto

## KOMITATKUNSIDO Sabate 14-18 h

*La unua kunsido por nova komitato. Ĝi konsistas el komitatanoj A, elektitaj de la landaj asocioj, kaj komitatanoj B, elektitaj de la membroj. Ĉi-jare rekorda nombro da voĉdonantoj.*
*Post la kutimaj sed necesaj formalaĵoj, pri kiuj necesis postĉasi komitatanojn por ke estu kvorumo, la komitato akceptis novan landan asocion, la 60-an, Slovakian Esperanto-Federacian. Ĝi ankaŭ akceptis du asociojn kun kunlaborantaj kontraktoj: Internacia Komunista Esperantista Kolektivo kaj Esperanto-Internacia Centro de Mond-Civitanoj.*
*La komitato ankaŭ elektis honorajn membrojn.*
*Poste alvenis la tikla momento: elekto de nova estraro. Vere malfacila tasko ĉar necesis trovi vojon konsiderante la bezonojn de UEA kaj la financajn implicojn por kunmeti teamon pretan kunlabori. Por lasi al elektokomisiono la tempon kunmeti alian teamon surbaze de la diskutoj kaj interŝanĝoj, la elekto estis prokrastita ĝis lundo.*
*La komisiono pri la statutoj de landaj kaj fakaj asocioj estis reelektita: ĝi konsistos el Brian MOON kaj Ulrich LINS. (R. TRIOLLE)*
*KOMITATANOJ ATENTU: kroma komitatkunsido lunde la 3-an, je la 8-a horo.*

### Kunveno kun afrikanoj.

Ĝi okazis sabate je la 12-a. Gvidis P. Chavignon, R. Triolle, N. Holevic (reprezentanto de H. Bakker).
En la unua parto, publika, la tri alvenintaj afrikanoj estis akceptitaj; ili rakontis pri diversaj problemoj kiujn ili jam renkontis. Intervenis pluraj gekongresanoj el Eŭropo pri temo "manko de mono", kiu ĝenas i.a. la disvolviĝon de Esperanto en Afriko. O. Buller kaj N. Raŝic respondis nome de UEA, enkondukante la duan parton rezervitan al afrikanoj kaj iliaj problemoj.

### Radio-Amatoroj

Internacia Ligo de Esperantistaj Radio-Amatoroj (ILERA) aktivigas la kongresan stacion TM8E en la tria etaĝo. Bonvolu viziti nin. (Jean-Jacques NOËL, KN 563)

### Serba teatro en Urbodomo

Lunde la 3-an de aŭgusto je la 17-a horo en la "Salle des Rencontres" en la Urbodomo de Montpellier, prezentiĝos laŭ invito de la urbestro *Rekviemo por la Perdintoj* fare de teatra trupo de gimnazio el Jagodina (Jugoslavio).

### Komisiono por Ameriko

La fermita kunsido de la Komisiono por Ameriko okazos merkrede je la 15a30 en **salono Privat**.

### *Internacia Arta Vespero*

Artistoj kiuj volas prezenti spektaklon (kanton, muzikaĵon, ktp.) en la Internacia Arta Vespero vendrede la 7-an de aŭgusto, venu al la kunveno de artistoj dimanĉe la 2-an je la 17a15 en **salono Bernard**. Poste estos tro malfrue!

## Atentu! Atentu!

Sabate vespere okazis malagrablaĵo al samideano el Koreo (KN 2513). Ŝajne interkonsentitaj tri aĉuloj aliris lin, unu post la alia. La unua sin prezentis kiel mon-informiĝemulo, la du aliaj sin pretendis policistoj (kvankam civile vestitaj) kaj komencis tuŝi liajn poŝojn. Nur alveno de franca samideanino fuĝigis tiujn homojn.

## San-Servo

La LKK organizis minimuman sanservon, kies funkcioj estas sekvaj:

– Por samideano kiu bezonas kuracistan konsilon,

1. tiu prezentiĝu de la 10-a ĝis la 11-a antaŭ la kuracejo (nivelo 0, ĉambro B03 malantaŭ kaj per la koridoro de la virinaj necesejoj.
2. Tiam esperanto-parolanta kuracisto povos doni laŭ bezonoj, ĉu konsilojn, ĉu preskribojn, ĉu organizi kompletan konsulton ĉe kuracisto en la urbo kiel eble plej proksime de la kongresejo.
3. La LKK precizigas ke se la konsiloj kaj la loke deciditaj preskriboj estos senpage donitaj, kontraŭe la medikamentoj kaj la kompletaj konsultoj konsilitaj kaj la transporto al tiuj eksteraj kunsultejoj estos rekte pagendaj de la malsanulo. (Ekzemple simpla konsulto ĉe ĝenerala kuracisto kostas 115 francajn frankojn.)



– Por samideano , kiu suferas de subita kaj maltrankviliga malsano aŭ sveno,

1. Unue avertu la plej proksiman LKK-anon aŭ helpanton, kiu povos sciigi la sanservon pri la malbona sanstato. Nepre precizigu la lokon (nivelo, salono, ktp.).
2. La san-respondeculoj decidos pri kiuj rimedoj necesas disvolvi pri tiu kazo. Tiuj rimedoj povas esti plej altrangaj (sav-hospital-servoj) kaj eble multekostaj do la atestantoj de la akcidento aŭ la malsanulo mem celu kiel eble plej ĝustan esprimon de la urĝeco kaj danĝereco de la kazo.

La san-Servo esperas al vi feliĉan kongreson kaj finas sian mesaĝon kun la jenaj konsiloj:

– Trinku almenaŭ 4-foje dum la tago. uzu la fontanojn en la kongresejo
– Ne restadu tro daŭre sub la suno
– Kiam vi enriras aŭtobuson por ekskurso nepre kunportu ujon da akvo
– Fartu bone!

## Okcitana Vespero

**spektaklo organizita kunlabore kun la municipo Montpellier dimanĉon la 2-an de aŭgusto, 20a-23a horo**

Situante ĉe la rando de Kamargo, Montpellier estas idino de la reĝoj de Aragono, kun miksaĵo de la koloroj de Provenco kaj de Langvedoko. Ĉi tie apudas brutgardistoj sur siaj blankaj ĉevaloj, kostumitaj junulinoj kiuj dancas farandolon akompanate de la langvedokaj fifroj, tamburinoj, kaj hobojoj, kaj cigana muziko sub la vesperaj steloj. Ĉi tie unuiĝas Langvedoko kaj Provenco en teritorio okcitania, teritorio de solidaro.

Hodiaŭ, dimanĉon la 2-an de aŭgusto, ĉio ĉi ne plu estos revo: muzikistoj, dancistoj, kantistoj, ĉevaloj, kaj brutgardistoj estigos el tiu ĉi vespero kun okcitanaj koloroj por vi plej belan nokton, gvidate de la kantisto Patrik', kies ravaj kanzonoj akompanos vin sur tiuj mirindaj vojoj de Okcitanio.

**Patrik'** – La nova spektaklo de Patrik' estas festo, en kiu kundancas tradicio kaj moderneco. Voĉoj, gitaroj, akordiono, kontrabaso, perkutinstrumentoj – ĉiuj ingrediencoj de muzika okcitania saŭco – kuniĝas ĉirkaŭ la okcitanaj kantoj de Patrik', por ke tiu ĉi spektaklo restu neforgeseble en viaj memoroj. Muzikistoj triumfe frenezaj pri Mediteraneo kaj sudismo, impetegaj dancoj kie farandolo apudas boleron, balado renkontas rumbon, kaj la spektantoj partoprenas la *estrambòrd*, la entuziasmon, de tiu ĉi suda lando inter Hispanio kaj Italio. Tie ĉi, fine, Mediteraneo kantas la estontecon de la mondo, estontecon de solidaro, toleremo kaj frateco.



**Saba-Saba** – *Saba-Saba* estas la magia formulo kiun uzas la langvedokaj infanoj por sukcesigi la faradon de fajfilo. Malantaŭ tiu nomo kaŝiĝas grupo de muzikistoj kiu pluvivigas muzikadon per fifro, tiu melodia fajfilo de Langvedoko en ties plej tradicia aspekto: festo, karnavalo, kaj dancado. Akompanate de hobojoj *graile* kaj perkutinstrumentoj, Saba-Saba kuntiras nin en la okulon de la farandola ciklono.

**Gipsyland** – Kiko kaj liaj fratoj estas vera himno al la cigana familio kaj ties valoroj. Ĉirkaŭate de junaj muzikistoj, Kiko kaj lia grupo Gipsyland forte kunligiĝas per sia muziko sed ankaŭ malfermiĝas al multkoloraj riĉaĵoj. Per sia talento kaj sia karismo, Kiko kapablis doni novan koloron kaj novan sonon al la cigana muziko, kaj al la tradicia kaj al la "flamenka rumbo" aŭ la "flamenka rokmuziko", tamen konservante tiujn emocion kaj ritmon kiuj sukcesigis la nuntempe nomatan "kamargan flamenkon".

**Kamargaj brutgardistoj** – Kaleŝoj, blankaj ĉevaloj, kaj kamargaj brutgardistoj kun iliaj "tridentoj" ĉeestos por bonvenigi vin, akompanate de junulinoj en tradiciaj kostumoj. For de eksmoda kaj pulvoplena folkloro, tio kion oni prezentos al vi estas la tuta vivo de Kamargo okaze de vespero ĉe taŭrobieno: prezentado de la ĉevaloj kaj de brutgardistaj ludoj kiuj venas el plej foraj tempoj sed estas ankoraŭ nun praktikataj, kiel la ĉevalturniroj el Mezepoko, en kiuj la brutgardisto devas ekkapti la bukedon de sia rivalo por meriti la amon de la belulino, aŭ pruvi sian lerton kaptante, en galopado, oranĝon kiun la junulino tenas en sia mano. Jen momento de forta emocio!

**Bahaa Esperanto-Ligo**

Okaze de 25 jaroj de Bahaa Esperanto-Ligo (1973-1998) kaj de 100 jaroj de bahaismo en Francio (1898-1998), invitas vin al jubilea programo la Loka Spirita Asembleo de la Bahaanoj en Montpeliero kaj Bahaa Esperanto-Ligo (BEL):

– Ĵaŭdon, la 6-an je la 11a45 en **salono Ĝuĝev**: "Bahaismo kaj Esperanto", prelego de Bernhard Westerhoff, sekretario de BEL, pri la multflanke interesaj rilatoj inter la movadoj bahaa kaj esperanta.

– Ĵaŭdon, la 6-an je la 19a00 en **salono Bernard** (Esplanade): Festa akcepto kun varia programo (prezentadoj, muziko, granda bufedo...).

– Vendredon, la 7-an je la 14a45 en **salono Schwartz** (Esplanade): "La Biblio kaj Bahaismo", prelego de d-ro Eric Coffinet, aŭtoro de "Ĉu Kristo jam revenis?" – Kiel en la Biblio troveblas profetaĵoj kaj pruvoj pri la misio de Bahá'u'lláh.

INTERNACIAJ EKZAMENOJ DE ILEI/UEA

Kongresanoj kiuj volas ekzameniĝi anoncu sin ĉe la ILEI-budo laste lundon la 3-an de aŭgusto por plenigi la enskribilon kaj pagi la ekzamenkotizon (60% de la MA-kotizo por via lando).

Ankaŭ tiuj kiuj jam antaŭe aliĝis, bonvolu ĉe la ILEI-budo kompletigi la enskribilon.

La antaŭtesto de la ekzamenoj okazos merkredon la 5-an de aŭgusto. Sukcesintoj en tiu antaŭtesto partoprenos la skriban ekzamenon jaudon la 6-an kaj la parolan ekzamenon vendredon la 7-an de aŭgusto. – Sekretario de Internacia Ekzamena Komisiono.

**El Popola Ĉinio**

Kunsido de *El Popola Ĉinio* okazos lunde je 16.00-17.00 en **salono Cart**. La ĉeesto de legantoj kaj perantoj estas kore petata kaj tre bonvena. La gajnintoj de la foto-konkurso nepre venu por preni la premiojn. Ĉiu ĉeestanto ricevos memoraĵon.

**Esperanto-Bibliotekoj**



Interesitoj kaj aktivuloj pri Esperanto-bibliotekoj, librokolektoj, arkivoj, ktp., venu al la kunveno "Kampanjo 2000: Savu Esperantaĵojn", dimanĉe je la 15-a horo en **salono Ĝuĝev.**

**IKU-libro**

La ok prelegoj de **Internacia Kongresa Universitato** aperos libroforme, aĉetebla ĉe la **Libro-Servo**. Prezo: 40 FRF.

Cseh- kurso kaj seminario

La programojn gvidos Katalin Smidéliusz.

La kurso por la tuta semajno kostas 180 FRF, la seminario 240 FRF. Unutaga bileto por ambaŭ aranĝoj kostas 70 FRF.

Kaptu la okazon kaj konfidu al ni viajn ĝis nun neparolantajn parencojn kaj amikojn.

***Kongresaj Fotoj***

Ekspozicioj de dumkongresaj fotoj situos ekde la 2-a de aŭgusto meze de la granda halo (etaĝo 0), apud la necesejoj. Vi estas bonvenaj atente rigardi ilin kaj aĉeti. Ĉiu kostas po 40 FRF.

**Ekskurso-busoj**

Ĉiuj busoj por ĉiuj ekskursoj de ĉiuj tagoj (krom marde) ekforiros kaj realvenos en *Allée de la Citadelle*, inter Corum kaj la fervojo.

**Escepto**: marde la 4-an de aŭgusto, ĉiuj busoj por la tuttagaj ekskursoj ekforiros kaj realvenos en parkejo *Joffe*, tuj malantaŭ la fervojo. Vidu planetojn afiŝitajn en la kongresejo.

**Asocio de Sociallaboristoj Esperantistaj** (ASLE)

Prelego pri "Sociallaboro en Francio", fare de Patricia DEVAUX, respondeculino pri eduko de sociallaboristoj en Montpellier, okazos lundon je la 14-a horo, ĉe Liceo "La Merci", strato Emile Zola (kie okazas la junulara programo). Ĉiuj interesiĝantoj bonvenas.







## Jarkunveno de ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperantlingva)

La 1-a parto de la jarkunveno okazos lundon la 3-an de aŭgusto 1998 je la 13a15 en **salono Hodler** (nivelo 2). La traktado de la asociaj aferoj (jar-raporto, proponata ŝanĝo de la statuto, redakcio de la *Scienca Revuo*) daŭros ĉ. 3/4-an horon. Je la 14a00 komencas la prelego de ISAE-ano Jacques Joguin pri la temo **"La Malapero de la Dinosaŭroj"**. La aŭtoro de la prelego gvidos la merkredan ekskurson D7 al dinosaŭra parko kaj al la ekologiejo *Ecosit*. La prelego daŭros ĝis la 14a45. (R. Haŭger, Ĝenerala Sekretario, KN 1495)

## Lernej-interŝanĝo

*Francaj instruistinoj serĉas mezgradan anglan lernejon por interŝanĝo de 30 gelernantoj kaj korespondado pere de la reto. Kontaktu s-ron J.-P. Boulet (KN 973)*

## Radio-Amatoroj

Internacia Ligo de Esperantistaj Radio-Amatoroj (ILERA) aktivigas la kongresan stacion TM8E en la tria etaĝo. Bonvolu viziti nin. (Jean-Jacques NOËL, KN 563)

**Eraro de kongresnumero:**

2953 (anstataŭ 2593) **S-ro George W. Winkler**, Landstr. 163, FL-9494 Schaan, Liĥtenŝtejno

**Novaj aliĝoj:**

2954 **S-ro Estácio Rodrigues Sardeiro**, Chácara Nr. 10, Setor Tradicional, Brazlândia, CxP. 5049, Brazilo
2955 **S-ino Amélia Barbose Pihneiro**, Chácara Nr. 10, Setor Tradicional, Brazlândia, CxP. 5049, Brazilo
2956 **S-ro Adair Arêda Vasconcelos**, C.P. 5049, Brazlândia – DF, Brazilo
2957 **S-ino Shirlene Valdete B. Arêda**, C.P. 5049, Brazlândia – DF, Brazilo
2958 **S-ino Suzana de Jésus Pitombo**, CNB 12, Lote 21, Ap. 110 ED, Via Verona, Brazilo
2959 **S-ro Suyue Xing**, Southwest Tralica Univ., CN-610031 Chendu, Sichuan, Ĉinio
2960 **S-ro Ian Fantom**, 92 Enbourne Road, Newbury RG14 6AN, Britio
2961 **S-ino Heleno Fantom**, 92 Enbourne Road, Newbury RG14 6AN, Britio
2962 hssg-x **S-roGaston Houssou**, c/o Paul Houssou, BP. 163 Cotonou, Benino
2963 pnch-d **S-ro Fabricio A. Pennacchetti**, Via delle Rosine 10, IT-10123 Roma, Italio
2964 **S-ro Nieves Martinez Albillos**, Rda Ramón Otero Pedrazo, Hispanio
2965 esnz-g **S-ro Emilio Sanz Mata**, Rda Ramón Otero Pedraz, Hispanio
2966 **S-ro Serge Ziegler**, 2 rue Georges Aimé, FR-57000 Metz, Francio
2967 **S-ino Françoise Ziegler**, 2 rue Georges Aimé, FR-57000 Metz, Francio
2968 **S-ino Jeffrey Li**, 1403 Hing Kok House, Kwai Hing Estate, Kwai Chung, N.T. Hong Kong, Ĉinio
2969 S-ro Janek Bender, Senefelderstr. 19, DE-73230 Kirchheim Iteck, Germanio
2970 S-ino Danit Saĥar, 336 Givat Hajim, IL-Iĥud 38935, Israelo
2971 S-ro Codjovi Benoît Zinkpe, BP ?.... , Benino
2972 kodz-u S-ro Kodjo Agbemadon, BP 60551-Bè, Lome, Togo
2973 S-ro Sebastian Hartwig, Freidbergstr. 14, DE-14057 Berlin, Germanio
2974 S-ino Elisabeth Lambert, 17 rue des Roses, FR 94240 L'Hay les Roses
2975 lazm-l S-ino Monika Lazarová, Ulerova 12, CZ 04011 Koŝice, Ĉeĥio
2976 ahet-j S-ino Akhtar Etemadi, No. 25 (3rd) Ghardi, St. Bahar Stomaki, K. Adhamchemoji, Tehran, Irano
2977 sntm-i S-ro José Santamaria, 10 rue d'Orgemont, FR 60500 Chantilly, Francio
2978 csan-s S-ino Cécile Santamaria Staszowska, 10 rue d'Orgemont, FR 60500 Chantilly, Francio
2979 S-ino Olive Looman-Breeze, Rancitikeiline, R.O. 5, Palmerston North 5621, Nov-Zelando
2980 S-ro Josefo Salguero, Rena 11, ES 06400 Don Benito, Hispanio
2981 ames-b S-ro Antono Mechelynck, Vandermeersch-St. 85, BE 1030 Bruselo, Belgio
2982 S-ro Pedro A. Garrote Escribano, calle Don Sancho 17-40 LL, Valladolid, Hispanio
2983 rram-w S-ro Rodrigo Albergo Ramírez Zuluaga, Transversal 23 - 84-10 Bogotá, Kolombio
2984 S-ino Maria A. Dockery, POBox 1662, Davidson NE 28096, Usono
2985 S-ro Josep Castelltort, Masquefa 6, 1-2, ES 09700 Igualada, Hispanio
2986 S-ino Maria Carme Segura, Masquefa 6, 1-2, ES 09700 Igualada, Hispanio
2987 S-ro Xavier Godivier, 8 bis place Hérault, FR 49100 Angers, Francio
2988 S-ro Adalberto Krasowski, Burskiego 32/17, PL 10686 Olŝtino, Pollando
2989 S-ino Katinjo Fetes-Tosegh, Sobieskig. 42/14, AT 1090 Wien, Aŭstrio
2990 S-ro Tosegh, Sobieskig. 42/14, AT 1090 Wien, Aŭstrio
2991 S-ino Yamina Azougarh, 7 rue des Vendanges, FR 34310 Capestang, Francio
2992 amid-g S-ro Arnau Massanes i Daunis, c/ Güell 178-6-3, ES 17005 Girona, Hispanio
2993 faub-u S-ino Benjamine Fau, Lu Barrièru, FR 81140 Castelnau-Montmiral, Francio
2994 S-ino Agnès Challant, 2 rue du Château, FR 55160 Fresne en Woevre, Francio
2995 S-ino Bruno Ferre, 45 rue Borie, FR 33300 Bordeaux, Francio
2996 S-ro José Fernando Simon Duque, Sta. Eugenia 29-4B, ES 48930 Areeta-Getao, Hispanio
2997 S-ino Madeleine Nicolai, Goethestr. 12, DE 79312 Emmendingen, Germanio
2998 S-ino Vera Jäger, Friedrich-Mössnerstr. 9, DE 79312 Emmendingen, Germanio
2999 S-ino Silke Schuler, Mönchshofstr. 15/41? DE 79312 Emmendingen, Germanio
3000 S-ino Senta Schuler, Mönchshofstr. 15/41? DE 79312 Emmendingen, Germanio




# Inaŭguro de la 83-a Universala Kongreso de Esperanto

**Dimanĉe la 2-an de aŭgusto 1998**

Venis salutmesaĝoj de eminentuloj, kiel la Ĝenerala Sekretario kaj la Direktoro de UNESCO (vidu ĉi-sube), la Prezidanto de la Federacio de Instruistoj de Modernaj Lingvoj, ktp.
Renato Corsetti enkondukis la kongresan temon, indikante i.a. ke "inter la nepraj celoj de Esperanto estas ĝia rolo de ponto inter la sudo kaj la nordo", kaj ke "ni estas ĉe la komenco de movado en afrikaj landoj kaj islamaj landoj".
Michela Lipari prezentis la ses novajn honorajn membrojn de UEA: André Albault kaj Pierre Babin (FR), Ignat Bociort (RU), Claude Piron (CH), William R. Harmon (US), kaj Sabura Yamozoe (JP).
Dum sia parolado, Lee Chong-Yeong, Prezidanto de UEA, aludis pri la 90 jaroj de UEA kaj pri la 100-jariĝo de Unuiĝo Franca por Esperanto. "La mondo sentas bezonon de komuna lingvo…". Li emfazis kelkajn gravajn laborplanojn de UEA:

- Kampanjo 2000 aprobita dum la pasintjara UK
- Fortigo de rilatoj inter UEA kaj Unuiĝintaj Nacioj
- Linguapax
- Kiel savi valorajn esperantaĵojn
- Forumo de Esperanto-Komunumo

Salutis nome de SAT Yves Peyraut, kiu i.a. diris "estas nova etapo por ke ni kune antaŭen iru". Sekvis salutoj de landaj asocioj.
La muzikajn paŭzojn faris Isabelle François kaj Alexandre Auger de la okcitana grupo Mescladissa.

## Mesaĝo de la Ĝenerala Direktoro de UNESKO

Nome de la Ĝenerala Direktoro de UNESKO mi ĝojas sendi miajn bondezirojn al la partoprenantoj de la 83-a Universala Kongreso de Esperanto.

UNESKO aparte aprezas la ĉi-jaran kongresan temon "Mediteraneo: ponto inter kulturoj", kiu kondukos al pli bona interkompreniĝo kaj solidareco inter la popoloj per kompreno de fremdaj lingvoj kaj kulturoj. Mi notas kun granda kontento la simpozion kiu estas organizita kadre de la kongreso, "Lingvopolitiko kaj interkultura edukado: kion alportas Esperanto", kiu utilos al la agado de nia sektoro pri lingvoj kaj la LINGUAPAX-projekton, kiu, kiel vi scias, laboras por antaŭenigi lingvan disversecon kaj plurlingvan edukadon.

La kongreso aparte atentas la 50-an jariĝon de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj. Edukado al civitaneco kaj lingva kaj kultura, kiu estas parto de la homaj rajtoj, iĝas pli kaj pli esencaj en la lukto por la paco. La 50-jariĝo de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj estas unu el la prioritataj agadoj de UNESKO kadre de ties programo por kulturo.

Klaras ke la rezulto de via kongreso pliriĉigos la laboron de UNESKO en pluraj kampoj, i.a. la preparado de raporto fare de UNESKO pri la lingvoj de la mondo, kiu aperos en 2001. Ĝi estos aktualigita ĉiun kvinan jaron kaj donos al Membro-Ŝtatoj taŭgajn rekomendojn sur la lingva kampo. La preparlaboro pri tiu raporto jam komenciĝis en kunlaboro kun kelkaj ne-registaraj organizoj (NROj), kaj ni esperas ke ankaŭ UEA partoprenos. Fakte, sperto pruvas ke nia longdaŭra kunlaboro estas profita ambaŭflanke, kaj multaj el niaj celoj kaj ideoj similas.

Kun miaj bondeziroj por agrabla restado en Montpellier, mi certigas la intereson de UNESKO pri la grava laboro kiun vi entreprenas por krei mondon en kiu diverseco kunsonas kun pli granda unueco.

## De kie foriras...?

... la busoj, la trajnetoj...

Iuj mistrafis buson aŭ trajneton, ĉar ili ne legis la informojn! Busoj por la duontagaj ekskursoj (kodo komenciĝas per D) foriras de apud la budo pri ekskursoj. Marde la kongresejo estos fermita, la tuttagaj ekskursoj (kodo E) foriros el parkumejo Joffre (vidu planon ĉe la budo pri ekskursoj). La trajneto foriras el la ekstremaĵo de la Esplanade, komence de Place de la Comédie. Alvenu ĝustatempe por eviti surprizojn! Antaŭdankas la ekskursa servo.



## Venu gustumi UK-on en 1999!

Ĉe la stando de la Berlina Kongreso en la vestiblo (nivelo 0) vi povas konatiĝi kun la sekvajara kongresejo, kun Berlino kaj la LKK. Eĉ varban bombonon vi povas ricevi. Gustumu do! Cetere, en Interreto vi trovas nin ĉe <www. esperanto.de/uk99>. Bonvenon!

## Neformalaj literaturaj babilrondoj.

Se vi emas al beletro kaj deziras babili pri la temo kun verkistoj iberaj kaj alilokaj, renkontiĝu kun ni lundon la 3-an de aŭgusto, ĉe la fino de la EVA-kunveno (15a30 - 16a25, Støp-Bowitz). (Jorge Camacho)

## Kampanjo 2000: Savu kulturan heredaĵon

Dimanĉe la 2-an de aŭgusto okazis kunveno pri la situacio de la Esperanto-kolektaĵoj tra la mondo, kun surprize granda ĉeestantaro, 70-80 homoj. Christian kaj Sabine Dharbellay gvidis la prezenton de pluraj kulturcentroj, ekz-e CDELI, Grésillon, Praga Biblioteko, ktp.

## Kunsido de ILEI

Dum la kunsido de ILEI estis tuŝita ankaŭ la graveco de universitata instruado. Se vere oni volus utiligi Esperanton en EU, oni bezonus diplomitajn fakulojn. D-ino Ilona Koutny (nova akademiano) raportis pri la universitataj studoj pri esperantologio kaj interlingvistiko en la Mickiewicz-Universitato (Poznan, PL), kiun ŝi jus starigis post sia dekjara sperto ĉe Esperanto-fako en ELTE (Budapeŝto, HU).

La trijaraj eksteraj studoj provizos la gestudentojn per lingvistikaj konoj necesaj por studi Esperanton, donos superrigardon pri esperantaj kulturo, literaturo, kaj historio, traktos interlingvistikon en vasta senco. Por pluaj informoj turnu vin al I. Koutny (KN 1369) post ŝiaj IKU-AIS prelegoj aŭ ĉe AIS-budo.

## Korekto en Kongresa Libro

En la anonco sur paĝo 45 de la Kongresa Libro, devas esti:

***POŜTARTA EKSPOZICIO***

kaj

**POŜTARTO – MAILART**

(Poŝtkarto povas esti poŝtarto, sed poŝtarto estas ĉiu artaĵo poŝte ekspedebla laŭ la kriterioj donitaj en la anonco.)

## VIZITO DE MONTPELLIER

Senpaga gvidata vizito de Montpellier ĵaŭdon je la 17-a horo kun T. Saladin. Estas loko por 20 personoj. Sin anoncu je la **budo Ekskursoj**.

## Poŝtistoj (IPTEA)

Kunvenon pri la funkciado de la internacia poŝtista asocio ĉeestis deko da homoj el 4 landoj, dimanĉon je la 18-a kaj 15. La tagordo konsistis el problemoj rilataj al la eldonkvanto de la bulteno *Interligilo* kaj planoj por la estonteco: abonkampanjo 1999 kaj regulaj skribaj kontaktoj inter la landaj perantoj. Raymonde Pérault (KN 161)

## Feliĉu - eblas!

Kiu ne ricevis tiun senpagan broŝureton dum la UK en Prago povas trovi ĝin ĉe la enirejo de la Libroservo, aŭ ĉe KN 1406.

## Rekviemo por la Perdintoj

Eksterprograma eksterkongreseja teatraĵo *Rekviemo por la Perdintoj* fare de Gimnazia Teatro de Jagodina (Serbio, Jugoslavio). Kiuj volas senti kiu estas perdinto, tiuj ĉeestu la spektaklon... kaj eble ekdemandos (aŭ ekrespondos): al kiu estas destinita la rekviemo?

Spektaklo gastigata de la Urbestraro de Montpellier, hodiaŭ, lundon la 3-an de aŭgusto je la 17-a en Festo-salono de la urbodomo ("Salle des Rencontres").

## IKU-libro

La ok prelegoj de **Internacia Kongresa Universitato** aperos libroforme, aĉetebla ĉe la **Libro-Servo**. Prezo: 40 FRF.

---

## Amikaro Bruno Gröning

La prelego "Saniĝo per spiritaj fortoj medicine pruvebla" de s-ino d-ro H. Brix de la medicin-scienca fakgrupo de Amikaro Bruno Gröning okazos merkredon je la 12a30 en **salono Ĝuĝev**, kaj ne je la frua mateno kiel jam presita en la invitiloj. (KN 1992)

---

## ILEI-ludo

Solvu la sekvajn taskojn sur aparta paperfolio (A4). Ne forgesu surskribi vian kompletan nomon kaj la landon el kiu vi venas. La solvon metu en la kolektujon ĉe la **budo de ILEI** – limdato estas la 5-a de aŭgusto.

1. Trovu almenaŭ ses rimojn por *vento*. (3 poentoj)
2. Kiom da vortradikoj enhavas posteno? (Ekzemplo: *butero – bu-, but-, bute-, uter-, ter-, te-, er*) (3 poentoj)



3. Kiun lingvon oni parolas en Brazilo? (1 poento)
4. Skribu almenaŭ ses landnomojn kiuj ne povas finiĝi per *-io/-ujo* (3 poentoj)
5. *Kampanjo 2000* havas tri ĉefajn celojn. Kiujn? (3 poentoj)
6. *Relative longa tempo, dum kiu oni ne laboras, ne lernas.* Esprimu per unu vorto. (2 poentoj)
7. Sub kiu titolo aperas la oficiala organo de ILEI? Kiu ĝin redaktas? (2 poentoj)
8. Kiam UEA estis fondita (preciza dato)? Kiu estas la fondinto? (3 poentoj)

## Jubileo de Puŝkin

Antaŭ la 200-jara jubileo de Aleksandr Puŝkin, la geniulo de rusa poezio, ne preterlasu aŭdi liajn poemojn en Esperanto. Mikaelo Bronŝtejn invitas vin lunde je la 16a15 en **salono Lapenna**.

---

## Afrika Agado – Madagaskaro

Okazis kunveno dimanĉe la 2-an de aŭgusto je la 16a. Gvidis s-ino Triolle, s-ro Erasmus, kaj tri madagaskaranoj. Temis pri prezento de la nova landa asocio Malagasa Esperanto-Unuiĝo kaj ties projektoj, kaj la ekonomia situatio en la lando.

---

## Filatela Ekspozicio

En la halo de la urbodomo de Montpellier, la poŝtmarkoŝatantoj kaj la ĝuantoj de ZEOj nepre vizitu la filatelan ekspozicion "Esperanto, ŝlosilo de la Babelturo". Tiu verko ampleksas 108 paĝojn panele prezentitaj. Malgraŭ ĝia franclingva klarigo, ĝi povas interesi ĉiujn niajn samideanojn pro la temo kaj la multeco de la ZEOj tie montritaj. Tiu filatela verko ricevis regionan premion en Francio. Por rimarkoj pri ĝi, kontaktu J.P. Ducloyer, KN 812.

---

## Speciala Invito

Ĉu vi deziras komenci vian tagon dum la kongreso plialtigante vian energion? Nu, vi estas invitita praktiki Taj-Ĉi-Pai-Lin (ĉinajn taoismajn ekzercojn surbaze de Lao Ce kaj I Ĉing), de lundo la 3-a ĝis jaŭdo la 6-a de aŭgusto, je la 7a30 ĉe la arkoj antaŭ Le Corum. Senpage.

## Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA)

Kunveno okazis dimanĉon la 2-an de aŭgusto je la 14a00. Gvidis William Simcock (KN 252), vicprezidanto de TEVA, pri "La rajtoj de bestoj: por civilizacio sen sango". S-ro Simcock portis al la 90 ĉeestantoj la salutojn de la estraro kaj de la prezidanto s-ro Christopher Fettes, kiu invitis ĉiujn partopreni la gravan kunvenon de TEVA kiu okazos en en Widnau, Svislando, en 1999 kadre de eŭropa vegetarana kongreso. Dum tuta semajno oni povos propagandi por Esperanto kaj la semajno estos plena de interesaj prelegoj kaj bongustaj manĝaĵoj. S-anino Carla De Lorenzi gvidos la kursojn de Esperanto. De Svislando oni povos poste iri al la UK en Berlino. S-ro Simcock informis poste pri la sukcesaj progresoj de vegetara vivmaniero en la mondo kaj pri la programoj de TEVA kadre de la Kampanjo 2000 de UEA. (Raporto de Lilia Fabretto (KN 267), Ĝenerala Sekretario de TEVA)

## *Skandala kunsido de EEU.*

La 2-an de aŭgusto je la 16a00 kunvenis en salono Hodler kongresanoj kiuj interesiĝas pri Eŭrop-Unia agado. Inter ili nur ok reprezentantoj de EEU, kiuj nur tie eksciis, sen iu ajn antaŭa informo, ke du membroj de la Trojko (J. Styrn-Meier kaj J. Greatrex) volas retiriĝi. Ili ambaŭ estis elektitaj en Stuttgart pasintjare dum la EEU Konferenco por tri jaroj. J. Styrn-Meier volis eĉ novelekton proponi dum la nuna kunveno. Por savi la daŭran laboron de EEU, la reprezentantoj de Italio kaj Aŭstrio promesis sian helpon por prepari elekton okazontan dum la sekvonta UK en Berlino.

## TTT

La TTT-anaro <esperanto.org> serĉas helpantojn (TTT-paĝ-farantojn) el diversaj landoj por plimultigi la TTT-anaron. Se vi interesiĝas kaj havas "Telnet/FTP"-eblecon, bonvolu kontakti KN 2765 per la rendevutabulo, aŭ retpoŝte ĉe <dacxjo@esperanto.org>.

## Faka kaj scienca agado

Faka Forumo okazis dimanĉon je la 16-a kaj duono. Ĉeestis ĉ. 40 homoj. Amri Wandel, la gvidanto, enkondukis kaj prezentis la principojn de Faka Agado kaj la apikadon de FA sur la tereno de eksteraj rilatoj. Li prezentis la ĉefajn servojn de UEA por Fakaj Asocioj. La Faka Giĉeto dum la UK kaj la faka rubriko en la revuo *Esperanto*. Barbara Despiney prezentis novan iniciaton ĉe UNESKO pri virina agado en la scienco. Sekvis sinprezentoj de Fakaj Asocioj : BEL (Bahaa Esperanto-Ligo), IFEF (Internacia Fervojista Esp. Federacio), UMEA (Universala Medicina Esp. Asocio), Amikaro Bruno Gröning, Mond-Civitanoj, IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo), FAT (Filozofia Asocio Tutmonda), ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperantista), ILEI (Internacia Ligo de Esp. Instruistoj), TAKE (La Domo), AEH (Asocio de E-istaj Handikapuloj).

Ursula Gratapaglia (Brazilo) diris ke oni devas plialtigi la konscion pri la faka agado: unu el la plej gravaj elementoj de la Esperanto-Komunumo. Ŝi proponis verki rezolucion pri tio.

**Mankis en la listo** (kun nia pardonpeto):

| | | |
|---|---|---|
| 2876 | | (Bonvolu anonci vin ĉe **salono Berthelot** (*Koko*) por enlistiĝo) |
| 2945 | ango-i | **S-ino Ana Montesinos de Gomis**, 82 Waterford Rd., London SW6 2DR, Britio |

**Novaj aliĝoj:**

| | | |
|---|---|---|
| 3001 | | **S-ro Vincius Mathias Antunes da Silveira**, Rua Alexandre Leonel 1065 - CEP 36003-240 Juiz de Fora - MG, Brazilo |
| 3002 | | **S-roYao Afantchao-Biakou**, BP 20225 Lome, Togo |
| 3003 | | **S-ro Agostino Giovagnoli**, Piazza S. Egido 3/a, IT 00153 Roma, Italio |
| 3004 | | **S-ro Francesca Grande**, Piazza S. Egido 3/a, IT 00153 Roma, Italio |
| 3005 | | **S-ro Sachio Kanzaki**, Yamano-sato 2492, Kamigoori-tyo, Akoo-fun, Hyogo-ken 678-1241, Japanio |
| 3006 | | **S-ro Dávid Mediavilla Ezquibela**, Ferrerias 40, 4A, ES-48901 Barakaldo, Hispanio |
| 3007 | atur-c | **S-ro Alfonso Tur Thomas**, Mineria 2, Hispanio |
| 3008 | gumd-g | **S-ino Doroti Guiro Marino**, R. Anastácio de Souza Pinto 297, Apto 92, Freguesia do Ó, São Paulo SP, Brazilo |
| 3009 | | **S-ino Maria Cecilia Caramez**, Rua Chile 1217, Barcelona, Sorocaba SP, Brazilo |
| 3010 | smvc-b | **S-ino Susana Maria V. Carvalho**, Rua Capitão Alberto Mendes Jr. 185, J. Sandra, Sorocaba SP, Brazilo |
| 3011 | | **S-ro Amauri Batista Santos**, Rua Guarani 43, Brazilo |
| 3012 | hhra-m | **S-ino Hanitra Jarinjazo Ralambomihoatra**, Mutuel des Fonctionnaires Malagasy II M 73 bis, Andravoahangy-Est, Tana Madagascar, Madagaskaro |
| 3013 | | **S-ino Marie Baptistine Aimée Ravaoharisoa**, Lot G II 32, Ampatsy Soamanandrariny, MG-103 Antananrivo, Madagaskaro |
| 3014 | rllr-z | **S-ino Justine Ralalarisoa**, Lot II C 72, FD Manjakarao, Madagaskaro |
| 3015 | | **S-ro Andi Plaza Aguayo**, Santo Domingo 43-1, ES 06001 Badajoz, Hispanio |
| 3016 | | **S-ro Carlos Lima Melo**, Rua 2 No. 230, Sala 1002, Goiania GO, Brazilo |
| 3017 | | **S-ro Julián Hernández**, Habana 625, Habana Vieja, Ciudal Habana, Kubo |
| 3018 | | **S-ro Norberto Díaz Guevara**, Apartado Postal 77, Sancti-Spíritus 60200, Kubo |
| 3019 | mgra-f | **S-ro Marc Legrand**, Kerkplein 25, BE 3212 Pellenberg, Belgio |
| 3020 | | **S-ro Rafael Rodolfo Cabrera Espinosa**, Calle 1 No. 150 / 28 y 32, Apto Camilo Cienfuegos, Bayamo, Granma, Kubo |
| 3021 | jgsa-h | **S-ro Jorge Luís González Santillán**, Calle B No. 68 entre 10 y 12, Repato Güernica, Camagüey, Kubo |
| 3022 | | **S-ro Manuel Luís Cayuela Bragulat**, C/ Aurora 11 2-1, ES 08221 Terrassa, Hispanio |
| 3023 | | **S-ino Egle Zilinskraite**, C/ Aurora ll 2-1, ES 08221 Terrassa, Hispanio |
| 3024 | etge-g | **S-ro Edmund Grimley-Evans** |
| 3025 | | **S-ino Julinha Zoraide Pereira**, Snt. Costa 159, BR 91.110-270 Brazilo |
| 3026 | | **S-ro Alain Droyer**, 14 rue Maxime Guillot, FR 21240 Talant, Francio |
| 3027 | | **S-ino Claudine Droyer**, 14 rue Maxime Guillot, FR 21240 Talant, Francio |






83-a Universala Kongreso de Esperanto
* Montpellier *

# Federacia kanceliero Viktor KLIMA

**Salutmesaĝo por la 83a Kongreso de la Universala Esperanto-Asocio okazanta en Montpeliero**

Ne nur la legendo de la lingvokonfuzo instruis al la homoj, ke la plej grava komunikilo: *Lingvo* povas disigi sed ankaŭ kunligi. Estas homara revo, venki lingvobarojn, kaj esti komprenata kaj akceptata de ĉiuj.

Pro tio oni serĉis en ĉiuj tempoj lingvojn kiuj estu lerneblaj kaj uzeblaj de ĉiuj. Bedaŭrinde tio restis ĝis hodiaŭ revo, kvankam ĝuste per la planlingvo Esperanto oni sukcesis evoluigi mondampleksan kaj vivantan linvomodelon, kiu ja faris rimarkindajn progresojn.

Vi prenis por via kongreso la devizon: "Mediteraneo – ponto inter kulturoj". Esperanto estas infano de la mediteraneaj lingvoj, ĝi prenis multnombrajn vortradikojn el la latina kaj estas ankaŭ sone parenca kun la mediteraneaj lingvoj. Kvankam artefarita sur la desegnotabulo, Esperanto montras fortan vivovolon, kiel parolata lingvo. Antaŭ ĉio la radiofonio fariĝis ne malhavebla ilo por la disvastigado de Esperanto.

Esperanto kontribuas al la alproksimiĝo de homoj kaj kulturoj. Pro tio mi opinias ke ankaŭ ĉi tiu lingvo gajnos signifon en la proceso de la elformiĝo de universala societo.

Estu la konsultiĝoj de via kongreso kontribuo por tio.

**Viktor KLIMA**
**Prezidanto de la Konsilantaro de Eŭropo**

## Rekviemo por la Perdintoj

Lunde je la 17h00, en la salono de la Urbodomo tre sukcese prezentiĝis teatra trupo de gimnazianoj el jugoslavia urbo Jagodina, per bonega spektaklo *Rekviemo por la Perdantoj*. Pro granda intereso, oni ripetos la teatraĵon merkredon je la 12h00 en salono Antigone. Veraj ŝatantoj de moderna kaj altnivela teatro nepre venu.

## Babilrondoj

La neformalaj literaturaj babilrondoj NE okazos. Renkontu nin en la koridoroj.

Iberaj verkemuloj (KNj 177, 1952, 2118)

## Rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA en 1998.

**POEZIO** – 1-a premio: Anja Karkiainen (Finnlando) pro "Sorĉa hor' de kreiveco"; 2-a premio: ne aljuĝita; 3-a premio: Jorge Camacho Cordón (Belgio) pro "Anastasio"; Honora mencio: Jorge Camacho Cordón pro "Kavernaj pensoj".

**PROZO** – 1-a premio: Stefan MacGill (Hungario) pro "Antaŭ la Di-servanto"; 2-a premio: Jorge Camacho Cordón pro "Atesto" kaj Sten Johansson (Svedio) pro "Meti limon"; 3-a premio: Jorge Camacho Cordón pro "Familio Pork". Honora mencio: Lena Karpunina (Germanio) pro "Miŝka Voropajev" kaj "Bela". (Partoprenis 34 verkoj de 19 aŭtoroj el 15 landoj.)

**TEATRAĴO** – 1-a premio: Stefan MacGill (Hungario) pro "La Martelo"; 2-a premio: Paul Gubbins (Britio) pro "Atendejo Esperantujo"; 3-a premio: Paul Gubbins pro "Rubrike". (Partoprenis 6 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.)

**ESEO** – Premio "Luigi Minnaja": Gerrit Berveling (Nederlando) pro "Inter religia toleremo kaj socia akceptiĝo: pri la islama minoritato en Nederlando"; 2-a premio: ne aljuĝita; 3-a premio: Zlatko Tišljar (Slovenio) pro "Eŭropa ideologio". (Partoprenis 6 verkoj de 5 aŭtoroj el 5 landoj.)

**KANTO** - Premio "Ahn Song-san pri kanto": Alejandro Cossavella (Argentino) pro "Ĉe Montpellier"; 2-a premio: Martin D. Cziesla (Germanio) pro "Prediko pri bona sinteno"; 3-a premio: Aldo kaj Fiorello Fiorentin (Italio) pro "Igu, Sinjoro!" kaj "Suferinte, oni esperas". Honora mencio: Flávio Fonseca (Brazilo) pro "Rozkolora", kaj Flávio Fonseca kaj Valéria Fajardo (Brazilo) pro "La esteco". (Partoprenis 11 kantoj de 6 aŭtoroj aŭ aŭtoraj duopoj el 6 landoj.)

**INFANLIBRO** – Premio "Infanlibro de la jaro 1997": Germana Esperanto-Asocio kaj Inter-Kulturo pro "La senĉesa rakonto" de Michael Ende, tradukita de Wolfram Diestel, ilustrita de Ulrike Diestel. (Partoprenis 7 libroj.)

### Gejunuloj kuniĝu!

Gejunuloj estas kore bonvenaj en la Liceo La Merci, kie la respondeculoj de la Junulara Programo atendas vin. La enirejo troviĝas sur la strato Emile Zola (granda griza pordo). Ĉiujn informojn vi trovos sur informilo disponebla ĉe la Junulara Budo aŭ la Informejo. Venu kaj ĝuu trinkejon, diskotekon. Ĝis tuj!

### – programo por la gejunuloj



De sabato la 1-a de aŭgusto, la gejunuloj kongresas en la junulejo La Merci. Krom agrabla etoso, ili povas ĝui specialajn programerojn.
Lundon la 3-an de aŭgusto okazis la jenaj programeroj: de la 10.00 horo ĝis la 12.30: vizito de Montpellier; de la 16.15 ĝis la 18.00: koncerto de Bronŝtejn; ekde la 20.00: rok-koncerto
Mardon la 4-an de aŭgusto okazis tuttaga ekskurso al Sète, ekde la 10.00; duontaga ekskurso al strando, ekde la 14.00; ekde la 20.00, okcitana pop-rok-koncerto.
Sed, se vi preferas, vi povas ankaŭ sekvi ĉiutage Esperanto- aŭ rokdanco-kursojn.
Ne hezitu, informiĝu ĉe la Junulara Budo en la kongresejo.

### Ekumena diservo

Dimanĉe posttagmeze je la 17a15 okazis la ekumena diservo en la moderna preĝejo de la Sanktaj Franciskoj. La celebradon prezidis pastro Ch. Dornan el Skotlando, helpita de du aliaj pastroj el Sud-Afriko kaj Rumanio. Pastoro Gerrit Berveling el Breda (Nederlando) predikis. Pli ol 700 homoj partoprenis la diservon, kune kaj frate preĝis, kaj unuvoĉe kantis la dian gloron. La duonon de la monkolekto ricevos s-ro Tuinder (Nederlando) por sia asocio por helpo al blinduloj. La alia duono estis donita al la paroĥestro de la preĝejo kiu akceptis la esperantistojn.

### Aŭtoraj duonhoroj.

En angulo de la libroservo intime renkontu viajn verkistojn ŝatatajn kaj ŝatotajn! Merkrede je la 15a00: Mikaelo Bronŝtejn ("Legendoj pri SEJM", "Oni ne pafas en Jamburg"; tradukisto de i.a. fratoj Strugackij; bardo); je la 16a00: Miguel Fernández prezentos la poemaron "Kantoj de Ateo" de Mao Zifu. Ĵaŭde je la 10a00: Karel Kraft (Ĉeĥa-Esperanta vortaro); je la 10a30: Jean-Luc Tortel (tradukinto de "La besto de Vakareso" de Joseph d'Arbaud); je la 15a00: Miguel Faria de Bastos ("Timor, la plej granda ekstermejo en la mondo").

### ALVOKO AL FRANCAJ E-INSTRUISTOJ KAJ E-INSTRUANTOJ

Se vi interesiĝas pri la agado de ILEI kaj revigligo de ĝia franca "branĉo", bonvolu kolektiĝi jaŭdon je la 16a00 ĉe ILEI-budo. (KNj 256 kaj 91)

## Iom pri IIK
### (renkontiĝo de E-parolantaj infanoj)

Ĉio enordas en Sommières! Lasta aliĝinto alvenis dimanĉon el Ukrainio. Niaj estontuloj jam spektis liberigitajn taŭrojn tra Somjer-stratoj, poste nian klaŭnon Larry Danto. Hodiaŭ merkrede, 5-an de aŭgusto prok. tagmeze ili sinprezentos al UK-anoj. Ni ilin kuraĝigu. (Gizela)

## Ĉu vi volas ke Grésillon vivu plu?

Estas budo apud la trinkejo sur nivelo 0. Venu por informiĝi pri ĝia nuna grava situacio, por doni vian opinion, kaj prezenti viajn sugestojn. (H. Boyer, KN 951)

**AIS** – **Akademio Internacia de la Sciencoj en San Marino** prezentiĝos kune kun sia fondo-organizaĵo Eŭropa Klubo, societo por lingvolimtranspaŝa eŭropa interkompreniĝo, vendrede je la 9-a horo en **salono Ĝuĝev**.

## *Religi-komparado*

70 homoj ĉeestis la ASISTI-jarkunvenon. F. Degoul (ĝia estrarano pri eksteraj rilatoj) prezentis tiun Asocion de Studado Internacia pri Spiritaj kaj Teologiaj Instruoj. J. Lépeix mallonge raportis pri la 4-a Interreligia Seminario Esperantista (paske en Jerusalemo). Ch. Lavarenne (sekretario) decidigis la asocion oficiale subskribi la "Deklaron de subteno al la Iniciato por [starigo de] Unuiĝintaj Religioj" en la jaro 2000 (kun atentigo pri la lingva problemo). Lanĉita antaŭ tri jaroj de la episkopisma episkopo de Kalifornio, tiu ĉi naskiĝanta "Uro" celas starigi religian neregistaran organizaĵon laŭ la modelo de UNo. Laŭ lasta decido, en Prago, ASISTI jam fariĝis en 1997 "institucia membro" de WCRP, la Monda Konferenco pri Religio kaj Paco. (KN 1352)



## *Renkontiĝo de artemuloj*

Se vi pentras, skulptas, ceramikas, fotas, aŭ faras iun ajn alian arton, venu al renkontiĝo kiu okazos ĵaŭdon la 6-an de aŭgusto je la 9-a horo en **salono Antigone** (antaŭ la libroservo). Ni deziras pridiskuti eblecojn de interŝanĝo de spertoj, organizado de ekspozicioj, seminarioj, ktp. (Katarina Eckstädt KN 1095)

## Atentu!

Helpantino perdis belan ringon – eble ĝi falis en la kongresan sakon kiun vi ricevis. Se vi trovis ĝin, bonvolu remeti ĝin ĉe la Informejo. Donu vian nomon kun Kongresa Numero, rekompenco estos donita. (KN 498)

## Jarkunveno de ISAE

**(Internacia Scienca Asocio Esperantlingva)**

**La I-an parton de la Jarkunveno** malfermis la vicprezidanto prof. Stevens T. Norvell per memoro al la longjara prezidanto prof. d-ro Carl Støp-Bowitz, kiu mortis pasintjare. Sekvis la financraporto de la sekr.-kasisto, per kiu evidentiĝis, ke la Asocio unuan fojon post jaroj povas elmontri ne nur senŝuldan financstaton, sed ankau pozitivan saldon de la jarkalkulo. La ĝen. sekr. raportis pri la evoluo de la membraro; el tiu rezultas rilate al la administrado prenotaj mezuroj, ĉar eble jam la venonta jarkalkulo denove ne plu montriĝos gajna. La reduktiĝo de la membronombro postulas la adaptigon de la statuto al la realeco. Ekz. la ĝisnuna asocia komitato baziĝas laŭstatute sur la aktiva kunlaboro de la delegitoj, kiuj preferas ofte roli gravaj kotizkolektantaj subtenantoj. Pro tio estas celo de novkreota Konsilio, senlastigi ĝisnunajn delegitojn de iu neserĉata rolo en komitato kaj klare novdefini novan Komitaton, kiu konsistu el la administra Estraro kaj el aktive konsilanta Konsilio. Por tiu ĉi Konsilio ni serĉas aktivajn kaj kreativajn membrojn! Sekvis la prelego de ISAE-ano Jacques Joguin pri "La Malapero de la Dinosaŭroj". Tiu temo estas elektita ĉar la prelegintο mem gvidos la merkredan ekskurson D7 al dinosaŭra parko kaj al la ekologiejo *Ecosit*. La teksto de la prelego aperis jam anticipe en Scienca Revuo Vol. 49 (1 998)(2). Sekretaria adreso por membriĝo au abono: ISAE, R. Hauger, Ringstrasse 13, CH 8172 Niederglatt (Svisio), 30.00 CHF al poŝtĉeka konto "ISAE, 80-5909-0, Zürich" aŭ 40.00 NLG al UEA-konto "isae-z" kaj poŝtkarto al la sekretario.

## Jarkunveno de ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperantlingva)

La dua parto de la jarkunveno okazos jaŭdon la 6-an de aŭgusto 1998 je la 16h15 en **salono Ĝuĝev**, nivelo 1. La informo pri asociaj aferoj (i.a. novkreota konsilio) daŭros ĉ. 3/4 horon. Je la 16h30 komenciĝos la prelego de ISAE-anino Nina Korjenevskaia-Gourio pri la temo "**Interrilatoj de francaj dadaistoj kaj surrealistoj kun rusaj futuristoj en la dramverkaro**". Je la 17h00 komenciĝos la prelego de ISAE-ano André Albault pri la temo "**Universala Ortografio**". Je la 17h30 komentos s-ro Nicola Raŝic sian libron "**La rondo familia: Sociologiaj esploroj en Esperanto**".

## "Skandala Kunsido de EEU" (II)

***Koko*-prizorgantoj erare akceptis anoniman polemikan artikolon (*Koko* 3, p. 4). Ni publikigas ĝustigon, atentigante ke de nun ni akceptos neniun artikolon sen almenaŭ kongresa numero de la verkinto.**

S-ro Greatrex respondas al la artikolo:

Mi ne "volas retiriĝi". Pro baldaŭa transloĝiĝo al Kanado, mi indikis retpoŝte al pluraj respondeculoj de EEU ke mi intencas demisii. Notindas ke mi menciis tion antaŭ almenaŭ kelkaj semajnoj [...]. Mi proponas duan kunvenon por pli konsideri kiel antaŭenigi la laboron de EEU, ekz-e jaŭdon je 15.00 en **salono Bernard**, se eblas. (Geoffrey Greatrex, KN 589)

## IKBE

Impresoj pri sukcesa 64-a IKBE (Internacia Kongreso de Blindulaj Esperantistoj) en Artigues-ĉe-Bordozo. Pli ol cent personoj en 13 landoj, eĉ de Azi-centra Rusio, ĝuis riĉan programon de la 26-a ĝis la 31-a de julio. Ĝin gaje aranĝis solidaremaj ĉiuaĝuloj de "Esperanto-Gironde" kun LIBE. Ni plaĉe ekskursis al brajla presejo kaj al naskiĝloko de Théophile Cart, kaj al vitejoj kaj prunarbaro. Okazis UEA-ILEI-ekzamenoj. Oni tre okupiĝis pri brajlaj presiloj kaj brajligo de E-kulturajoj. "La Kampanoj" brilege kantis kaj skeĉis kunmuzike kun Jacques Yvart. La rezolucio, dekve al diskutoj pri la kongresa temo "Nur kvarsense", admonas edukajn kaj rekapabligajn instancojn atenti, krom plej modernajn teknikajn helpilojn, la trejnadon por optimule utiligi la restantajn sensojn, inkluzive de eventuala vid-resto. (El raporto de KN 84)

## Jarkunveno de la Universala Medicina Esperanto Asocio (UMEA)

Okazis je la 9h00 gis la 10h30 la 3-an de aŭgusto. Ĉeestis 62 personoj el 21 landoj. Prelegis d-ro Imre Ferenczy, Prezidanto (KN 369) pri la 90-jara fondiĝdatreveno de UMEA, kaj d-ro Opoka pri la aplikado de Esperanto en medicino. UMEA eldonas la anglan-esperantan medicinan vortaron. En somero de 1999 en urbo Opava (Ĉeĥio), UMEA aranĝos sian internacian medicinan kongreson (IMEK). La jaron 2001 UMEA deklaras "Internacia Shinoda-jaro". UMEA aktivas en la "Kampanio 2000".

## SIKA

Bonan novaĵon! SIKA-Esperanto kunvenigis pli ol 70 personojn el 13 landoj por pritrakti internaciajn problemojn de asocioj kiuj prizorgas "senmonajn interŝanĝojn" (SIL, LETS, Tauschringe, Banco del Tempo...). Vidu afiŝon je la niveio 0. En tiu internacia renkontiĝo, oni uzis samnivele nur la francan kaj ... Esperanton. (KN 414, 746)

ELF -AREK-anoj (Filatelistoj kaj Kolektistoj)
Ni kunvenos merkredon la 6an de aŭgusto je la 15a horo maidekstre de la bufedo sur nivelo 0. (R. Hirsch, KN 36)



## Sanservo: komplementa kaj ekzotika medicino helpas kongresanojn

Post laciga vojaĝo, ripozo en nova eksterhejma loko aŭ pro aliaj kialoj, povas aperi doloro aŭ alia malsana simptomo. Ofte dum la komenco de diversaj malsanoj oni povas sanigi sin aŭ esti kuracata per tute simpla, sed utila metodo Su Ĝok. Laŭ peto de kelkdek nunaj kongresanoj kiuj ricevis kuracadon laŭ tiu ĉi metodo en Tamperea kaj Praha UK-oj, d-ro Alfredas Maruŝka (KN 1195) konsultos kaj laŭ bezono kuracos urĝajn malsanulojn. Li uzas por diagnostiko kaj kuracado la metodon **Su Ĝok**, kiu baziĝas sur uzo de la korespondaj sistemoj ĉe manoj kaj piedoj. Multaj memoras la prezentadon de la **Su Ĝok**-metodo dum la Praha UK. La ideo fari tion en Montpellier aperis dum la jarkunveno de UMEA kaj ricevis subtenon ne nur estraran, sed ankaŭ de kongresa kuracisto. Se vi, bedaŭrinde, malbone sentas vin post la ekskursa tago, venu kaj spertu la senmedikamentan kuracmetodon.

**D-ro Alfredas Maruŝka** akceptas kongresanojn en la **San-Servejo** (nivelo 0, ĉambro B 03 – malantaŭ kaj per koridoro de la virinaj necesejoj) ekde 11-a ĝis 12a horo **merkrede, ĵaŭde, vendrede**.



## Retfuŝo

Kelkaj samideanoj kiuj sendis mesaĝon interrete, uzis ne funkciantan adreson, ekzemple en mesaĝo skribita en la portugala lingvo. La robotaj mesaĝoj pri malsukceso estos afiŝitaj apud **salono Berthelot**.

## Interreto en la Kongreso

Pro teknikaj kialoj, oni povos montri interreton nur per unu komputilo. La demonstraciojn mi faros en la salono Berthelot. Mi akceptos maksimume 8 homojn samtempe.
merkredo inter la 9-a kaj la 11-a matene
jaŭdo de la 10a ĝis la 12a
vendredo de la 10a ĝis la 12a
Se vi deziras prefere mem "krozi" sur interreto el ciberkafejo (estas pluraj da ili en la urbo), vi povas viziti tiujn ĉi retpaĝarojn, kelkaj estas bonaj deirpunktoj.
http://esperanto.net/
http://esperanto.net/veb/
http://www.esperanto.net/web/flavaj-paĝoj.html
http://edx1.educ.monash.edu.au/projects/esperanto/school.htm
http://www.webcom.com/~donh/esperanto.html
http://www.mintex.demon.co.uk/espviva/index.htm
http://www.geocities.com/EnchantedForest/2755/ (Reto-klubo por infanoj)
http://freinet.org/creactif/valence/klubo/ (franca lernejo kiu uzas Esperanton)
http://www.mygale.org/10/univkong/ (la ttt-ejo pri la kongreso)
Provu ankaŭ la novajojn ("usenet news") soc.culture.esperanto.
Bonan krozadon!
Estas tiel multe da paĝaroj ke oni ne povas viziti ilin ĉiujn en unu horo....

## Claude Piron skribis

"Se oni demandas kio okazis, vi povas diri, ke temas pri mia filo Emmanuel, kiu devis submetiĝi al tre grava operacio, post perforado de la intesto kaj peritoneito, en kiu la infekto estis tre disvastigita. Li komencis resaniĝi, sed lia stato subite malboniĝis, kaj nun oni timas por lia vivo. ... Mi esperas, ke la kongreso bone disvolviĝas. Se vi tie demonstras la funkciadon de Internet, povus interesi vin scii, ke prelego, kiun mi faris en Bazelo pri la psikologiaj aspektoj de eo estas legebla ĉe: http://members.aol.com/sylvanz/pirprel.htm. Salutas vin danke kaj amike, Claude Piron."

**Kiu vetas pri vetero riskas veteraron !**

## Ĉu Esperanta Hajko paroligas homojn?

Nova arto en kaj ekster Esperantujo! Mian diskutarton konsistigas poemo (hajkoforma), bildo (foto, eltondaĵo, desegnaĵo) kaj klarigo. Mi estas preta prezenti (ne vendi) mian arton al malgranda grupo. Kontaktu Tonik (Ton Verwoerd, KN 1137).

## IKU-libro

La ok prelegoj de **Internacia Kongresa Universitato** aperos libroforme, aĉetebla ĉe la **Libro-Servo**. Prezo: 40 FRF.

**Eraroj en la listo** (kun nia pardonpeto):

2963 pnch-d S-ro Fabrizio Pennacchietti, Via delle Rosine, IT-10123 Torino, Italio

**Novaj aliĝoj:**

3028 **S-ro Mickaël Droyer**, 14 rue Maxime Guillot, FR 21240 Talant, Francio
3029 **S-ino Mélanie Droyer**, 14 rue Maxime Guillot, FR 21240 Talant, Francio
3030 **S-ro Florent Droyer**, 14 rue Maxime Guillot, FR 21240 Talant, Francio
3031 **S-ro Stefan Streitferdt**, SAS 4, 17 HU 2000 Szentendre, Hungario
3032 **S-ino Chantal Paris**, 4 rue de Milly, FR 49700 Ambillou, Francio
3033 **S-ro Marcel Bourrelly**, 13 rue des Frères Noat, FR 13100 Aix en Provence, Francio
3034 bute-j **S-ino Aurora Bute**, str. Brinousei 6, sc-c, ap 1, RU 1900 Timisoara, Rumanio
3035 **S-ino Amanda Joy Detterder**, 880 Keith Ave., Oxford MI 48371, Usono
3036 **S-ro György Nanovfszky**, Üllői ut 101, HU 1091 Budapest,Hungario
3037 **S-ro Michaël Karpati**, Gluskin 36 Riŝon Lezion, Israelo
3038 **S-ino Ŝoŝana Karpati**, Gluskin 36 Riŝon Lezion, Israelo
3039 **S-ino Hermine Jouve**, 9 rue Frères Noat, FR 13100 Aix en Provence, Francio
3040 **S-ro József Cseh**, Tömörkény u 13, HU 5008 Szolnok, Hungario
3041 **S-ro José Martinez**, Mediterraneo 22-1, ES 46011 Valencia, Hispanio
3042 **S-ro Jacob Eddaley-Addy**, p.o. box 682, Mamprobi, Ganao
3043 **S-ro Cameron Sackey**, p.o. box 932, Mamprobi-Accra, Ganao
3044 **S-ino Michie Asaka**, 15-18 Nagahamo-tyoo Naze-si Kagosima-ken, Japanio
3045 **S-ro Kazuma Mori**, p.o.box 3333 San Jose, Usono
3046 **S-ino Mónika Molnár**, 9735 Csepreg Ságvári u 21, Hungario
3047 **S-ino Evelyne Dachine**, 8 square Nungesser FR 94160 Saint-Mandé, Francio
3048 **S-ino Lydia Lindla**, Saare str. 9, EE 3170Haaspsalu, Estonio
3049 **S-o Jähi Heikki**, 3 rue de Nuits, FR 69004 Lyon, Francio
3050 **S-ino Sylvia Poehlman**, Sandkamp, DE 22111 Hamburg, Germanio
3051 **S-o Jean-Seb Brilleaud**, 7 rue des Frères Lumière, FR 92500 Rueil, Francio
3052 **S-ino Etsuko Nakazawa**, Joyosi terada Hiziri 78-24, Japanio
3053 **S-ino Julia Bak**, 116-201 u-bang Apt., yong-Hung-Dung Puk-Gu, Po-Hang shi Kyoung-Buk, Koreio
3054 vrvt-z **S-ino Lieve Vervoot**, Schansstraat 2, BE 2490 Balen, Belgio
3055 **S-ino Sandra Schweder**, Bromberger str. 44 DE 31141 Hildesheim, Germanio
3056 **S-o Ujadih Lukic**, i.g. Kovaĉica 76 Vukovar, Kroatio
3057 **S-ino Mayra Núñez-Hernández**, Comezañas 53 Lawton, Ciudad de la Habana, Kubo
3058 **S-ino Solange Rivière**, 7 ch.de la Villerie FR 44300 Nantes, Francio
3059 **S-ino Mélie Rivière**, 7 ch.de la Villerie FR 44300 Nantes, Francio
3060 **S-ino Nadine Rivière**, 7 ch.de la Villerie FR 44300 Nantes, Francio
3061 **S-ino Esti Saban**, Sederot Jerusalajim, 116/1 Gafo, Israelo
3062 **S-ino Georgina Almanza Lanz**, Neptuno 1001, Apto 9, CU 10300 Habana 3, Kubo
3063 **S-ro Lóránd Baksa**, Bómjáze u. 12, HU 1205 Budapest, Hungario
3064 irgl-v **S-ino Irene Gliese**, Weicheslstr. 4, DE 10247 Berlin, Germanio
3065 **S-ro François Stackler**, 33 avenue de la Paix, FR 93150 Le Blanc Mesnil, Francio
3066 **S-ro Bernard Bigonnet-Chanvert**, La Paillane, FR 84330 Caromb, Francio
3067 **S-ino Marie Castillon**, La Lauve Migramas, FR 83790 Pignans, Francio
3068 **S-ro Christophe Castillon**, La Lauve Migramas, FR 83790 Pignans, Francio
3069 **S-ino Marie-Claude Granier**, 10 bis rue Chaptal, FR 11100 Narbonne, Francio
3070 **S-ro Maxime Rucquoy**, 87 place de la République, FR 34290 Valros, Francio
3071 **S-ro Seung-Yun Lee**, Hwikyong 2, Seoul Garden Apt 909, KR 130-092 Dong Dae Mun, Koreio
3072 **S-ro Ljo**, "Esperanto", Lafigère, FR 07740 Malarce, Francio
3073 ptrp-n **S-ro Dávid Trigo Pérez**, Av. Pablo Neruda 55, 6-1B, Hispanio
3074 llrd-d **S-ro Joseph Allard**, 3 rue Gayant, FR 59520 Marquette lez Lille, Francio
3075 anou-y **S-ro Andreo Nousen**, 3325 NW Gumwood Ave., Corvallis OR 97330, Usono
3076 **S-ino Francesca Bellebono**, Via Roverselli 17, Italio
3077 **S-ro James Bellebono**, Via Roverselli 17, Italio
3078 **S-ino Natalia Dankova**, 36 av. Simon Bolivar, FR 75019 Paris, Francio
3079 **S-ro Christophe Labouré**, 11 Montée du Garillan, Francio
3080 nopi-z **S-ro Norbert Piechotta**, Rondellstr. 3, DE 85540 Paar, Germanio
3081 **S-ro Hans Welling**, Zum Ortenbrink 42, Hasbergen, Germanio

(Se vi konstatas eraron, bonvolu ne heziti veni ĉe *Koko*, **salono Berthelot**.)





Kongresa Kuriero

KOKO
N-ro 5
Ĵaŭde la 6-an de aŭgusto

83-a Universala Kongreso de Esperanto
* Montpellier *

## Mesaĝo de la Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj

**al la 83-a Universala Esperanto-Kongreso**

Estas por mi granda plezuro sendi bondezirojn al la membroj de Universala Esperanto-Asocio en la momento kiam vi kunvenas en Montpellier por via 83-a kongreso.

Gesinjoroj, la nuna estas jubilea jaro. En tiu ĉi jaro de la kvindekjariĝo de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj, ĉie en la mondo viroj kaj virinoj de ĉiuj haŭtkoloroj kaj de ĉiuj religioj kuniĝas por proprigi al si niajn komunajn homajn rajtojn. Ili tion faras sciante ke la homaj rajtoj estas universalaj kaj nedisigeblaj, kaj ke la lingvo de la homaj rajtoj estas komuna lingvo de ĉiuj popoloj. Ĝi estas verdire universala lingvo kiu fremdas al neniu kulturo kaj propras al ĉiuj nacioj. Ĝi estas lingvo kiu asertas la rajton je evoluo, je vivo kaj libereco, je malsamaj opinioj kaj diverseco. Ĝi estas en la kerno de ĉio kion Uniuiĝintaj Nacioj aspiras atingi en paco kaj evoluemo.

Kiam vi kunvenos en Montpellier por esplori la pontojn inter kulturoj, mi scias ke vi emfazos la rolon de toleremo kiel konstruelemento de ĉiuj pontoj, la bazo de ĉiuj homaj rajtoj, ĉiaj paco kaj progreso, kaj la fakton ke lingvon oni devas uzi por superi diferencojn, ke konstrua komunikado kreas pontojn, dum lingvo uzata kiel armilo nur apartigas.

Mi dankas al Universala Esperanto-Asocio pro ĝia laboro por antaŭenigi lingvon kiel ilon por unuigi anstataŭ disigi kaj pro via celebrado de la kvindekjariĝo de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj. Tiu ĉi konferenco povos valore kontribui al tiu procezo, per fortigo de ligoj kaj interŝanĝoj de informoj kaj ideoj.

Mi deziras al vi agrablan kaj profitodonan semajnon en Montpellier.

**Koffi Annan**

## Mesaĝo de sinjoro Boutros Boutros-Ghali

**eks-Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj**
**kaj Ĝenerala Sekretario de la Internacia Organizaĵo de Franclingvio**
**okaze de la 83-a Universala Kongreso de Esperanto**

Sinjoro Prezidanto, gesinjoroj,

Estas por mi granda plezuro povi saluti vin okaze de la 83-a kongreso de Universala Esperanto-Asocio.Tio havas plurajn kialojn. La unua estas ke la temo pri kiu vi elektis okupiĝi dum la tuta semajno, "Mediteraneo, ponto inter kulturoj",estas por mi temo kara el pluraj vidpunktoj.

El persona vidpunkto, evidente, sed ankaŭ kiel respondeculo dum multaj jaroj de la egipta diplomataro. Mi ankaŭ havis plurfoje la okazon renkontiĝi kun mediteraneaj demandoj dum miaj kvin jaroj ĉe la kapo de la Organizo de Unuiĝintaj Nacioj.

Ankoraŭ nun, en miaj novaj funkcioj kiel Ĝenerala Sekretario de la Internacia Organizaĵo de Franclingvio, la mediteranea areo estas denove en la kerno de miaj okupiĝoj. Tio montras, kiom min koncernas la diskutoj kiujn vi okazigos dum tiu grava aranĝo.

Cetere estas por mi grave omaĝi la batalon kiun daŭrigas via Asocio jam dum 90 jaroj.

Batalo sub la signo de amikeco kaj solidareco inter la popoloj, sub la signo de respekto al kultura diverseco.

En momento kiam tutmondiĝas la komerco, kiam konturiĝas la minaco de lingva monotoniĝo kaj malapero de kulturaj valoroj, ni ja devas mobilizi nin por ke la monda komunumo, al kiu celas la leĝoj de la merkato, ne estigu tutmondan kulturon kun unueciĝo de la modeloj, la kondutmanieroj, kaj la pensoj. Temas pri la demokratigo, je monda nivelo, de la rilatoj inter la popoloj!

Por fini, mi volas diri al vi ke en la vorto mem "Esperanto" troviĝas komuna espero. Espero pri solidareco kaj toleremo, espero pri komprenemo kaj respekto al aliuloj. Troviĝas ankaŭ certeco – certeco pri la unueco de nia destino kaj pri la fakto ke ni ĉiuj apartenas al unu sola homa komunumo.

Tiujn valorojn mi dividas kun vi.

Kaj tial mi deziras al via kongreso plej bonan sukceson.

**Boutros Boutros-Ghali**

## Junularaj sciencaj prelegoj

*La dua sesio de prelegoj de junaj sciencistoj okazos hodiaŭ ĵaŭdon la 6-an je la 13-a horo en salono Hodler. La programo estas: prelego de Konrad Hinsen pri "Dinamiko de proteinoj pere de komputa simulado", prelego de Pascal Lecaille pri "Sociologiaj aspektoj de simulado", kaj diskutrondo pri "Esperanto en la sciencoj". La prelegoj celas nefakan publikon, do ĉiu interesito estas bonvena.*



## Sud-okcidentaj eŭropanoj, venu!

SEREG (Sud-okcidenta Eŭropa Reto de Esperantistaj Gejunuloj) kunvenos jaŭde je la 20-a en la liceo "La Merci" (kie estas diversaj junularaj servoj de "Festo") 3 rue Emile Zola en Montpellier. Ĉiuj gejunuloj de Okcitanio, Eŭskio, Galedio, cetera Hispanio, kaj Portugalio estos bonvenaj por diskuti kunlaboradon kaj disvastigadon de Esperanto.

## Tago de la Lernejo

Pri la ĉeftemo "Lingvo-instruado: ponto al la mondo" prelegis Mireille Grosjean ("Lingvo-instruado, ponto inter kulturoj"), Prof. Ronald Glossop ("Al terglobismo en nia tergloba komunumo"), Daniel Moirand ("La eduksistemo en Francio"), Mauro La Torre ("Instruika terminaro en Esperanto"), D-rino Ilona Koutny ("Uzo de vortaroj dum instruado" kaj "Interlingvistikaj studoj"), Paul Gubbins ("Esperanto, pasporto al la tuta mondo – videokursaro"), kaj Hans Erasmus ("Neighbour-projekto – eŭropa interlerneja propedeŭtika projekto").

## Aŭtoraj duonhoroj

**kun plusaĵoj**

En angulo de la libroservo rendevuu viajn verkistojn! Ĵaŭde je la 15-a: Miguel Faria de Bastos ("Timoro, la plej granda ekstermejo en la mondo") regalos la interesatojn per porto-vino! Vendrede je la 11-a: Bruno kaj Maryvonne Robineau ("Ili vivis sur la Tero"), mondvojaĝantoj; kiuj ĉi-okaze aĉetos ilian libron ricevos amikan donacon.



## *Prelego pri sociallaboro en Francio*

La planita prelego de Patricia Devaux kun esperanta traduko de Jeanne-Marie Cash bedaŭrinde ne okazis – sed ĝi estos presita en la aŭtuna numero de *Informilo de ASLE*. Tamen, sociallaboristoj de 6 diversaj landoj interkonatiĝis kaj povis kompari la laborkondiĉojn en siaj landoj. Ilia faka asocio (ASLE) ricevis du novajn membrojn. La jarkunveno okazos vendrede la 7-an de aŭgusto je la 17a15 en **salono Ĝuĝev**. (Soile Lingman, KN 1845)

## IFEF

**Fervojista Kontaktkunveno**

Merkrede 98.08.05 - 9h – 10h30 partoprenis 71 kongresanoj el 18 landoj. Gvidis Sinjoro István Gulyas KN 1109 vicprezidanto de IFEF. Prelegis li pri la raporto de la 50a jubilea IFEF kongreso. Jean Ripoche KN 964 prelegis pri "Arto kaj fervojo", kaj Jozefo Halasz pri "La streĉo en la reloj". Post la prelegoj okazis vigla diskuto pri la kunlaboro kun aliaj fakaj asocioj en la kadro de "Kampanjo 2000" pri la venontjara Internacia Skisemajno, pri la venontaj IFEF kongresoj, pri la terminologia agado, ktp.... Grupo de la ĉeestantoj vizitis post la kunveno la stacidomon kaj la substacian centralon de Montpeliero.



## *Kiel ni uzas Esperanton?*

**Esperanto laŭ psikolingvistika vidpunkto**

Okazis lunde je la 15h15. Prelegis Natalia Dankova KN 3078, pri la temo "La influo de la denaska lingvo en Esperanto ĉefe kiam temas pri la esprimo de tempo pere de verbaj formoj kaj adverboj." Laŭ la preleganto, estas unua scienca esploro, kiu analizas la parolatan lingvon kaj komparas ĝian funkciadon kun aliaj vivantaj lingvoj (franca, itala, rusa) kaj kiu klarigas kiel oni konstruas tempan sistemon en la lingvo kaj kiaj rilatoj ekzistas inter la elektitaj iloj (formoj verbaj, adverboj, ktp.) kaj la maniero konceptadi la tempon kaj esprimi ĝin en parola lingvo denaska.

## Urba Akcepto

Bonvolu atenti ke la akcepto en la urbodomo estas nur por honoraj membroj, por komitatanoj de UEA, kaj por membroj de Societo Zamenhof, kiuj ricevis specialan invitilon.

## AIS

**Akademio Internacia de la Sciencoj San-Marino**

prezentiĝos kune kun sia fondo-organizaĵo Eŭropa Klubo, societo por lingvo-limtranspaŝa eŭropa inter-kompreniĝo, vendrede je la 9-a horo en **salono Ĝuĝev:** informoj, prezento de la Eŭropa Kalendaro 1999-2000, AIS-verkaĵoj, AIS-studadsesio 30/8-4/9 Rimini/San-Marino, respondoj al la demandoj de kongresanoj.

## IKU-LIBRO



La ok prelegoj de **Internacia Kongresa Universitato** aperis libroforme, aĉetebla ĉe la **Libro-Servo**. Prezo: 40 FRF.

## Fulma vojaĝo de rusa buso

47 rusaj esperantistoj petis vizon de franca konsulejo por partopreni la 83-an UK-on. Ĉar la LKK informis ke tiuj rusoj estas invititaj de la 1-a ĝis la 8-a de aŭgusto, ili ricevis vizon de la 1-a ĝis la 8-a. Logike, ĉu ne? Sed kiam la rusa buso atingis la ĉeĥ-aŭstrian landlimon kelkajn tagojn antaŭ la kongreso, ili devis atendi la 1-an de aŭgusto por eniri la "landon" de UK, t.e. "Schengen-Eŭropo". Do dum du tagoj ili vagadis en Slovakio kaj dormis en la buso! Kiam ili finfine rajtis transiri la landlimon, ili devis impeti al Montpellier kaj alvenis dimanĉon tagmeze. Kaj pri la reiro, ni silentu.... (Rakontis Daria kaj Oksana. Intervjuis Manjo)



## Jarkunsido de TEĴA

Ĝi okazis dimanĉon la 2-an de aŭgusto je la 15a00. Gvidis Stefan Maul (KN 1850) kaj Paul Gubbins (KN 585). Reelektiĝis la estrarano: Maul, Gubbins, Yamasaki, Kovjenkov. Diskutiĝis pluraj proponoj, ekzemple dissendo de *Internacia Ĵurnalisto* pere de Interreto.

## Landaj asocioj ĉirkaŭ la Mediteraneo

La kunveno de landaj asocioj okazis la 3-an de aŭgusto je la 12a30. La ĉeftemo estis kunlaborado en mediteraneaj landoj. La reprezentantoj decidis kunlabori por kunvenoj en Malto kaj intensigi la informan laboron ĉe Araboj. (Renato Corsetti, KN 2468)

## Esperantista Internacia Centro de la Mondcivitanoj

La direktorino de EICM kore dankas la Komitaton de UEA pro la konsidero de niaj neŭtralaj agadoj por pli justa kaj paca mondo, ĉefe inter la norda kaj suda partoj. Malfermita al ĉiuj, nia grava kunveno okazos ĵaŭdon je la 12a15 en **salono Sebert** (Joffre 5): 1. alproksimiĝas (novembre ĉe UNESCO) nia deka monda demokrata balotado. Inter la kandidatoj estas la kongresanino Ursula Grattapaglia. 2. Revigligi la tutmondiĝon. 3. Estonteco: kunlabori kun Mondfederalistoj, UEA, kaj aliaj por pli da efiko. 4. Ĉi-jare kvindeko da Mondcivitanoj. Ĉiuj apartenas al la Homaro, ankaŭ la Tero apartenas al ĉiuj. Do devigatas solidarece konservi en bona stato ambaŭ. (Geneviève Charpentier, KN 1965, direktorino de EICM)

## Se vi partoprenos en KEF...

La speciala amatora radio-stacio por la Kongreso (TM8E) kontaktiĝis kun amatoraj radiantoj en Göteburg, Svedio, kiuj informis pri la pluvo kaj la temperaturo (20° C/70°F). Oni esperas pli bonan veteron, sed kredas ke la pluvo restos.... (KN 2765 - ILERA n-ro 542)

## Dinamisma Teatra Spektaklo

"Miaj personoj ne mortigis sian konscion. Ili perdis ĉion, sed ili konservis la homan dignon." Tio ĉi estas citaĵo de la aŭtoro de la spektaklo "Rekviemo por la perdintoj", V. Krstiĉ, kiun grandsukcese prezentis anoj de la Gimnazia teatro de Jagodina (Jugoslavio) dufoje dum la kongreso. La lernantoj studis Esperanton speciale por ĉi tiu gastludo, kie ili kune kun unu profesia aktoro prezentis al ni veran artfajraĵon de vorto, muziko kaj danco. La aŭtoro montris, ke moderna teksto povas pensigi kaj amuzi nin. Kiuj estas perdintoj, kiuj venkintoj? Ĉu perdinto vere estas perdinto kaj venkinto vere venkinto? Tiun tekston akompanas melodia muziko, el kiu povus iĝi kanzonoj simple kanteblaj kaj danceblaj. Tion ankaŭ faris junaj aktoroj en bona koreografio.



La reĝisoro Ĉ. Stanojeviĉ sciis veki ĉe la aktoroj la ĝojon al ludo kaj klarigi al ili delikatecon de politika temo. Ili vere ludas, ĝojas kaj ĝuas sed ili ankaŭ scias, kion ili diras. Furioze interŝanĝiĝas fajreroj de vortoj, akraj tonoj de juneco kun pensinstigaj vortoj de filozofo, muziko kaj danco kaj eĉ ŝajne ĉiam starantaj ŝakludantoj moviĝas dum la tuta spektaklo. Oni devas diri, ke aktoroj ne nur bone dancas kaj kantas, ili tre bone kaj klare prononcas Esperanton. Ĉi tiu spektaklo plurrilate atingas altnivelon de la profesiaj teatroj. Ĝi estas farita en la plej bona stilo de absurda teatro. Oni devus montri ĝin sur granda podio, al multaj esperantistoj.

Certe estas: "Rekviemo por perdintoj" faris tiujn junajn homojn venkintoj. (Katarina Eckstädt, KN 1095)

## "Liberacana-Radio"

...atentigas ke sur paĝo 92 de la Jarlibro 1998 de UEA, bonvolu korekti la faks-numeron de "Liberacana-Radio": 01 49 29 98 59. Kaj vi povas aldoni novan telefonnumeron de la elsendejo: 01 49 71 89 40. Propagandaj glumarkoj aĉeteblaj po 2 FRF ĉe H. Peyrouty (KN 844).

## *Litova Stelo* invitas....

siajn nuntempajn kaj estontajn legantojn al kunveno vendrede je la 11-a horo en salono **Støp-Bowitz**.

## Spiritismo

La kunveno okazis lundon de la 12a15 ĝis la 13a30. Gvidis I. Miranda Silva (KN 183), J. Passini (KN 188) kaj R. Mattos (KN 191). Demandoj kaj respondoj pri spiritismo kaj "La libro de la spiritoj". Konado pri la daŭrigo de la vivo post la morto de la korpo; reenkarniĝo kaj komunikado de la spiritoj kun la enkarniĝintoj.

## Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj

LIBE kunvenis lundon la 3-an de aŭgusto kun 32 ĉeestantoj. Otto Prytz prezentis la agadon de LIBE, menciante la grandan perdon, kiun signifas la forpaso de ĝia sekretariino Nora Moerbeek, kiu estis ankaŭ redaktoro de la brajla revuo "Esperanta ligilo" kaj administranto de la libroservo de LIBE. LIBE kiel faka asocio aliĝinta al UEA, estas reprezentata en ties komitato per Arvo Karvinen, kiu raportis pri la jusa diskuto pri Kampanjo 2000 en la komitato. Oni invitis speciale la vidantajn ĉeestantojn de la kunveno demandi pri LIBE kaj la blindul-esperantista movado, kaj prezentiĝis kelkaj anoncoj kaj informoj. Plej ĝeneralan intereson verŝajne havas la informo, ke kelkaj blindaj esperantistoj havas komputilon kaj retpoŝtan adreson, kio ebligas senperan korespondadon inter blindulo kaj vidanto. (Otto Prytz KN 1582)

## TAKE - LA DOMO

Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj serĉas fakulojn pri domkonstruado-dekoraciado por terminologiaj laboroj. Kontaktu la TAKE-budon.

## UEA Komitato

Merkrede matene gvidis Kep Enderby. Temis pri la prezentado de la nova estraro, aprobo de buĝeto, alelekto de novaj C-komitatanoj : M. FETTES, H. BAKKER, T. HUZIMOTO, B. DESPINEY.
Nova estraro sin prezentos kaj respondos demandojn de la membroj vendrede je la 9a en salono Schwartz.

## 25 + 100

Sian 25-jariĝon ĉi-jare festas Bahaa Esperanto-Ligo (BEL). La jubileo koincidas ne nur kun la 100-jariĝo de la E-movado en Francio, sed ankaŭ kun la samaĝiĝo de la Bahaa Kredo en Francio. La Bahaa komunumo de Montpeliero utiligas la okazon por informi dum la kongresa semajno per du ekspozicioj (historia kaj arta), surscenigo de dancprogramo kaj prelegserio pri la Kredo. BEL okazigas du prelegojn (jaŭdon 11.45 en **Ĝuĝev**, kaj vendredon 14.45 en **Schwartz**) kaj invitas al Festa Akcepto jaŭdon 19.00 en **Bernard** (kun prezentiĝoj, muzikaj kaj granda bufedo). (KN 2103)

## OSIEK

**OSIEK** gastos ĉe la Faka Budo ĵaŭde (12-a ĝis 13-a) kaj vendrede (9-a ĝis 10-a). Tie vi povos ekhavi informilojn kaj pridemandi OSIEK-komitatanon Bruno Masala pri:
- **OSIEK-Premio 1998 al Claude Piron** por *La bona lingvo* (atribuita per demokrata voĉdonado vendredon 24-an de julio en Trieste).
- Internacia Esperanto-Konferenco **1999** en **Metz**, Francio, pri *Mono kaj Civilizo* (17-23 julio 1999).
- **Amikaro de Esperanto en Radio**, kaj ĉiaj informoj pri radio-programoj.
- Projekto ELITEN por disponigi ilojn en TTT por kunkreado de Esperanta Literatura Enciklopedio.

**OSIEK**, Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj, estas kultura societo, fondita en 1988: ĝi ĵus festis sian dekjariĝon. Tiuokaze ĝi aĉetis por si nomon en TutTera Teksaĵo: http://osiek.org.

## Ĉirkaŭmonda vojaĝo dum 8 jaroj

Lunde je la 17a30, la **salono Schwartz** estis plenŝtopita je spektantoj avidaj ekkoni tiun eksterordinaran aventuron travivitan de franca paro: 8 jaroj da vojaĝado, laborante kaj vivante kun familioj. Tiel Bruno kaj Maryvonne ekkonis 15-on da landoj tra la intimeco de familioj, tra la ĉiutago de vilaĝoj. Belegaj lumbildoj, muzikoj zorge elektitaj, enhavo riĉega kaj kortuŝega. La entuziasmaj spektantoj miris, ridis, emociiĝis, aplaŭdis, demandadis.... Kiel skribas iuj en la ora libro: "Se nur por vidi tiun prelegon, valoregis veni de Slovakio al Montpellier!" – "Neniam en la esperantista movado, oni vidis tian mirigan aŭdvidan spektaklon, kie kuniĝas emocio kaj beleco; krome la franca versio de tiu prelego trafe kaj efike informas la ne-esperantistaron pri la Internacia Lingvo. Kaj tio estas plej valora por la movado." Por scii pli pri tiu miriga aventuro, 2 libroj disponeblaj: en la franca: "Et leur vie c'est la terre"; en esperanto: "Ili vivis sur la tero". (Bruno kaj Maryvonne ROBINEAU, KN 1015 k. 882)



## Virina Agado

Faka kunveno okazos la 6-an de aŭgusto je la 13a00 en **salono Sébert**. La temoj estos **inaŭguro de virina agado** kaj la unua jara kunsido. Se vi havas intereson pri la virina agado, nepre venu.

### Ekspozicio

En nivelo 0 (apud la trinkejo/babilejo) vi povas vidi la ekspozicion "Internacia edukado". Temas pri la kunlaborrondo bazlerneja, en kiu partoprenis dek landoj (Aŭstralio, Belgio, Bosnio-Hercegovino, Brazilo, Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Kanado, Kroatio kaj Pollando). Krom la prezento de la koncernaj landoj kaj loĝlokoj, vi trovas ekzemplojn de la korespondado, E-ludiloj preparitaj de la lernantoj. KN 256

## Plia Nandir-filmo por Montpelier-kongresanoj

Via kongresa libro-servo proponas multajn novajojn en diversaj fakoj. Precipe notindas la sesa verko de svisa filmisto "La Muzikskatoloj". Temas pri la 200-jara evoluado de la svisa mekanika sistemo en muzikskatoloj tra la tempo kaj la mondo. Ni ankaŭ memorigu, ke Nandir ricevis fine de la adelajda UK unuan premion de Belartaj Konkursoj du UEA por la verko "La Alpoj Svisaj". Kiu ricevos la ĉi-jaran?

## Atentu!

Ekde ĵaŭdo, ne plu funkcios la retpoŝta servo, kiu postulas multe tro da tempo de la interreta zorganto. Mi tre bedaŭras.... Mi tamen transdonos al la rendevua tabulo la mesaĝojn kiuj alvenos, sed la kongresanoj ne plu povos prepari nek sendi retmesaĝojn. Bonvolu tion fari ekster la kongresejo, en "ciberkafejoj", pri kies adreso mi povos vin informi. (D. Couturier)

## IKU 6

okazis merkrede de la 15h15 ĝis la 16h15. Gvidis Miguel FARIA de BASTOS pri retrospektivo pri homaj rajtoj, prospektivo pri la rajtoj al la lingvo kiel triageneracia homrajto. Okazis debato.

## Internacia Infana Kongreseto

IIK-kunsido okazis merkrede de la 16-a15 ĝis la 17-a. Gvidis Michela Lipari.

Prezento de la ĉi-jaraj problemoj kaj eblaj solvoj. Komentoj de la gepatroj. Konkludoj. Ĝi estas tre grava parto de la movada vivo kaj oni devas strebi plibonigi ĝin, pli forte ligi ĝin al UK kaj ne flankenlasi la gravajn financajn implicojn por la partoprenigo de kiel eble plej diversnacia etularo.

## Unu opinio pri la Nacia Vespero

Enkondukis ĝin bone kaj vigle jam antaŭ ĝia komenco grupo de folkore vestitaj junuloj, kiuj bone dancigis la publikon. Jes, tio laŭ mi estis la nacia, la bona parto de la vespero. Sed poste? Ĉu tiu muzikisto, Patrik', certe fama en la regiono, kaj ŝatata, alportis siajn aplaŭdantojn? En granda meza parto de la salono oni apenaŭ aplaŭdis, tamen aŭdiĝis daŭre furioza aplaŭdo de malantaŭe. Estis vere freneza situacio, preskaŭ kiel en kelkaj banalaj usonaj "komediaj" filmoj. Pri la muziko mem: Patrik' havas bonan ritmon, scias vigle inspiri la publikon, sed ĉu tio vere apartenas al "nacia vespero"? Kio tamen pleje ĝenis min, estis, ke mi nenion komprenis, kiam li alparolis min, la aŭskultanton. Do, certe estas interese, foje mallonge aŭdigi la okcitanan lingvon, sed ne nur! Oni certe trovus homon, kiu koncize povus redoni la diritan enhavon. Por mi ĉiuokaze lingvo estas io, per kio oni transdonas enhavan informon. (KN 1098)

## Filatelista Renkontiĝo

Neoficiala renkontiĝo de la E-filatelistoj okazos ĵaŭdon je la 16-a horo en la halo de la urbodomo, apud la ekspozicioj.

## SAT

La 5-an de aŭgusto okazis ne formala kunveno de SAT-anoj kaj SAT simpatiantoj.

## Kvizo

Unu el la plej amuzaj programeroj de la Kongreso! Ne timu partopreni. Demandoj povas esti facilaj ("Kiu estas la redaktoro de Kongresa Kuriero?"), aŭ pli malfacilaj ("Vi kunsidas en salono Schwartz. Kie kaj kiam naskiĝis la homo, kiu donis la nomon al tiu salono?"), aŭ tre malfacilaj ("Kio estis la menuo de la bankedo dum la 1-a UK?"). Bonvolu anonci vin ĉe la giæeto "Informejo".

## Plia semajno en Montpellier?

Kongresano disponigas senpage sian ruldometon sur kampadejo de Montpellier de la 8-a ĝis la 15-a de aŭgusto (nur kostoj por la kampadejo). Kontakti la budon pri ekskursoj.



## Internacia Ĥoro

Sub la gvidado de P-ro Dimitar Terziev (Bulgario) ĉiutage renkontiĝas la Internacia Ĥoro cele provludi diversajn kantojn, kiuj estos prezentitaj dum la Internacia Arta Vespero, vendredon la 7-an de aŭgusto je la 20h30. (Raymonde Pérault KN 161)

## Afrika agado

Ĉiu kongresano estas invitita viziti la budon pri afrika agado. Sendante salutvortojn al afrikaj esperantistoj, kiuj ne havas la eblecon vojaĝi eksterlanden, vi kontribuos al afrika agado. Eblas aĉeti poŝtkartojn kaj kovertojn. Ĉiuj profitoj kontribuas al afrika agado. Partoprenu la lastan kunvenon pri Afriko, ĵaŭde je la 14a15 en **salono Støp-Bowitz**, nivelo 1. (Philippe Chavignon, KN 119)

## Postkongreso

Postkongreso P1 ne foriros de la kongresejo kiel anoncite sur la biletoj sed de la bus-stacidomo samhore samtage (dimanĉon je la 10-a horo).

## *Ankoraŭ pri EEU*

**Pri proponita dua EEU kunsido:** Pro urĝa familia afero mi devas foriri ĵaŭdon matene. Mi do rezignas pri la dua proponita kunveno. (G. Greatrex, KN 589)

**Eraroj en la listo** (kun nia pardonpeto):

| | | |
|---|---|---|
| 3056 | | **S-ro Vujadin Lukic**, I.G. Kovaĉica 76, HR 32000 Vukovar, Kroatio |

**Novaj aliĝoj:**

| | | |
|---|---|---|
| 3082 | | **S-ino Ubiracema Trevas**, Rua Tenente Costa 180 Bl. 2 Ap. 304 Meier, BR 20445-080 Rio de Janeiro, Brazilo |
| 3083 | sime-n | **S-ro Francisko Simonnet**, 21 rue de la Grève, FR 89320 Theil sur Vanne, Francio |
| 3084 | emjo-r | **S-ino Emilie Joly**, Cheim des Arènes, FR 13430 Euguières, Francio |
| 3085 | | **S-ro Nils Dachine**, 8 square Nungesser, FR 94160 Saint-Mandé, Francio |
| 3086 | | **S-ro Jacques Rongier**, ILA, BP 1839, Abidjan, Ebura-Bordo |
| 3087 | jerg-n | **S-ro Jeremi Gishron**, Box 23180, IL 91231 Jerusalem, Israelo |
| 3088 | | **S-ino Myriam Van der Steen**, Groenstraat 11/6, BE 3012 Wilsele, Belgio |
| 3089 | dbzy-q | **S-ro David van Bezooijen**, A. van Nassaustraat 17-HS, NL 1055 RR Amsterdam, Nederlando |
| 3090 | | **S-ro Dieudonné Mfundu-Mikatukidi**, 109 Av. Kasa-Vubu, Commune Ngiri-Ngiri Saïo-Kasa-Vubu, Rep. Dem. Kongo |
| 3091 | | **S-ro Zinovi Kurolap**, 21 Robin Grove, Toronto, Kanado |
| 3092 | mikm-t | **S-ro Mihail Kiselev**, Kantermirovskaja ul. 20-1-177, RU Moskva, Rusio |
| 3093 | | **S-ino Iris Rabiller**, 9 rue Vaucanson, FR 44100 Nantes, Francio |
| 3094 | | **S-ino Adéline Rabiller**, 9 rue Vaucanson, FR 44100 Nantes, Francio |

(Se vi konstatas eraron, bonvolu ne heziti veni ĉe *Koko*, **salono Berthelot**.)



# Kongresa Kuriero



83-a Universala Kongreso de Esperanto
* Montpellier *

KOKO
N-ro 6

Vendre


## Koko finblekas

Jen venas momento por adiaªbleki al vi ¤iuj kongresanoj. Nia laboro por vin plej aktuale informi (dank' al via helpo kaj helpo de ¤iuj kunvenestroj kaj estraranoj) ankoraª ne vere finißis. Tamen *Koko* de Lokoko de Uko kun ¥izkokino, Mafkokino, Jankoko, Rokoko, Rajkokino, Jorkoko, kokotopo... volas diri dankokon pro via interesißo al nia/via *Koko*.



**Via fidela LKK (dum malpli streĉa momento).**

Jen koko, simbolo de Francio.
Ĝi estas la sola besto kiu kantas...
Kun la piedoj en fekaĵo!



### La Komitato de nia asocio UEA

... jam elektis sian estraron. Venu malkovri la sekretojn en publika kunveno hodiaŭ vendrede je la 9-a en salono Schwartz.

### Cseh-aranĝoj: eksterordinara sukceso

Dum la ĉi-jaraj Cseh-aranĝoj la etoso iom similis al tiu de la 30-aj jaroj, kiam la polico devis interveni en Berlino por bridi la plurcentmembran amason, kiu tumultis antaŭ la enirejo. En Montpellier ĉirkaŭ 70 personoj (16 landoj, 3 kontinentoj) sekvis kun intereso kaj persisto la kurson. Vendredi espereble 25 kandidatoj sukcesos plenumi la postulojn de la A-grada seminario. Estis klare dum la semajno, ke oni bezonas kursojn kaj metodikajn konsilojn eĉ dum la kongresoj. Katalin Smidéliusz, kursgvidanto (KN 764).

### Rezultoj de la ILEI konkurso dum la UK

La ĝustajn respondojn vi trovas ĉe ILEI-budo.
Plej bonaj solvoj:

| | |
|---|---|
| 19 poentoj | KN 1534 kaj 1529 |
| 17 poentoj | KN 2254 |
| 16 poentoj | KN 3046 |
| 15,5 poentoj | KN 170 |
| 15 poentoj | KN 1829 |
| 14 poentoj | KN 2755 |

Kongresanoj supre menciitaj bonvolu viziti ILEI-budon. ILEI bonvenigas ĉiujn partopreni la konkurson dum la jaro. Pliaj informoj ĉe ILEI-budo.
KN 256.

### *Infana Kongreseto*

**Merkrede** la infanoj vizitis la UK-urbon. Post veturado kun la trajneto tra la urbocentro, ili alvenis tagmeze en la kongresejon por prezenti sin kun kelkaj kantoj. Sekvis vizito de la zoologia ĝardeno kaj je la fino de la posttagmezo banado en la agrabla mediteranea maro. Ĉiuj revenis sanaj kaj kontentaj al Sommières.



Vi povas viziti ilin en **Sommières vendrede posttagmeze**: forveturo 14h20, apud Corum (ne de parking Joffre !)

### TEJO

Merkredon de la 18-a ĝis la 19-a okazis la akcepto de TEJO-patronoj. Jimmy Stryhn Meyer (KN 679) informis la ĉeestantajn patronojn pri la agado de TEJO kaj respondis al demandoj ĉi-rilate.

### POŜTO

*Atenton*: la poŝta giĉeto de la kongresejo ne funkcios sabaton. Vendredon, la poŝta giĉeto funkcios de la 8a30 ĝis la 11-a por vendo de poŝtmarkoj kaj filatelaĵoj. En la sama ejo estos ankoraŭ eble peti surlokan stampadon per la speciala kongresa poŝtstampo, de la 8a30 ĝis la 11-a kaj de la 15-a ĝis la 18-a. – Sabaton la poŝtoficejo sur la promenejo l'Esplanade je 300 metroj de la kongresejo estos malfermita de la 8-a ĝis la 18-a. – En la flava poŝtkesto de la kongresejo estos eble meti poŝtaĵojn ricevontajn specialan stampon ĝis la fino de la kongreso.

### Esperantlingva Verkista Asocio kunvenis

**William Auld por la Nobelpremio pri Literaturo**

EVA (Esperantlingva Verkista Asocio) ricevis en Montpellier la novan komitaton. Ĝi konsistas el verkistoj Marjorie Boulton, Gerrit Berveling, Jorge Camacho, István Ertl, Paul Gubbins, Trevor Steele, kaj Spomenka Štimec. Dum la jarkunveno de EVA lundon posttagmeze okazis viglaj diskutoj. La nova komitato aprobis gravan iniciaton kiun kune entreprenis tri Esperantaj instancoj: Esperantlingva Verkista Asocio , Esperanta PEN-Centro kaj Internacia Esperanto-Muzeo el Vieno, laŭ la iniciato de verkisto Manuel de Seabra, por kandidatigi William Auld por la Nobelpremio por Literaturo pro sia verkado en Esperanto. Estis akceptita vortumo de la letero al la Komitato por la Nobelpremio pri Literturo, kiu iru al Svedio dulingve, en Esperanto kaj la sveda. EVA preparas dokumentojn pri William Auld kun impona bibliografia listo, kiu dokumentu pri lia verkado, poezia, esea, traduka. Kiaj estas la ŝancoj por ke verkisto kiu verkas en Esperanto gajnu la Nobelpremion pri Esperanto? Verŝajne necesus persistu dum pluraj jaroj por konsciigi la svedajn instancojn pri la Nobelpremio konsideri verkadon en Esperanto. Intertempe la kanditatigo konsciigu nin mem pri la literturaj valoroj en Esperanto. La unuaj paŝoj sur la longa vojo al la Nobelpremio por la verkado en Esperanto estis faritaj en Montpellier, kiam Esperanto aĝis 111 jarojn.

### Nova Biologia Nomenklaturo

La kunsido anoncita en la kongreslibro por vendredo la 7-a de la 16a15 ĝis la 17a00 per la nomo "Biologoj (NBN)" en **salono Ĝuĝev**, ne estas fakkunsido de biologoj, sed informkunsido pri Nova Biologia Nomenklaturo (prelegonto: d-ro Wim De Smet, KN 1490).

### *Akademio de Esperanto*

Ĵaŭde de la 12-a ĝis la 13a30 okazis kunveno de la Akademio de Esperanto. Gvidis Geraldo Mattos (KN 2864). Oni pridiskutis ĉiujn eblajn temojn rilate al la lingvo Esperanto. Estis multaj demandoj kaj respondoj.



### Internacia Naturkurac-Asocio

...kunvenis merkrede la 5an de aŭgusto, je la 9a horo en salono Bernard. Gvidis d-ro Puramo Chong, kn 2513. Prelegis d-ro Carmel Mallia, kn 864, pri kial naturkuracado necesas kaj Harald Schicke, kn 1281, pri irisologio (ekkono de malsanoj el la iriso). Nova vicprezidanto de INA fariĝis Harald Schicke. INA estonte zorgos pri profesiaj kursoj kaj seminarioj por la diskonigo kaj interŝanĝo de naturkuraj metodoj. Komence INA ofertos kursojn por medicinistoj kaj kuracistoj pri korea akupunkturo. La intereso pri naturkuracado kaj INA estis multe pli granda ol la salono. Tial nur 70 el pli ol 100 interesitoj trovis sidlokon.

### *Solena disdono de atestoj kaj diplomoj*

Vendrede je la 20-a horo okazos solena fermo de Cseh-kurso kaj seminario. Ricevos la atestojn la sukcesintaj partoprenintoj. Kadre de la sama programo oni disdonos la atestojn al la sukcesintoj de la ILEI/UEA ekzamenoj. Venu al la salono Cart, 1-a nivelo. (IEI kaj ILEI)

## Perditaj objektoj

Nepre vizitu la giĉeton "Informejo": tie atendas multaj perditaj objektoj! – Nepre vizitu la giĉeton "Rendevua tabulo": multaj mesaĝoj restas.

## Plia aŭtora duonhoro

Marjorie Boulton, vendrede je la 12-a, intimos en angulo de la libroservo. Estas fakto, ne fantazio!

## IKU-LIBRO

La ok prelegoj de **Internacia Kongresa Universitato** aperis libroforme, aĉetebla ĉe la **Libro-Servo**. Prezo: 40 FRF.



## Rondo familia

Kunveno okazis merkredon la 5-an je la 15a15. Gvidis Renato Corsetti (KN 2468). Instigo al familioj ekuzi Esperanton kaj partopreni renkontiĝojn de familioj kun infanoj (REF, PSI, Internacia Festivalo).



## Nefumantoj

La kunvenon de TADEN, lundon la 3-an de aŭgusto je la 10a45 en Ĝuĝev, ĉeestis 34 personoj. R. Moerbeek (KN 84) voĉlegas sian invitleteron ("Puraj Pulmoj" 98/2), kiu mencias partoprenon en samtaga strategia forumo. Sola tekstŝanĝo: B. Ruigrok tro malsanas, ja ĉeestas pioniro Jirí Rada (KN 1452), estrarano.

– (1) Agadraporto mencias 7 numerojn de "PP" de post 1996, malsukceson aranĝi kunvenon en Adelajdo, trakton de informpetoj. Multe organizis, tradukis, rilatis kun nederlanda CAN Nora Moerbeek, la prezidanto, kiu mortis la 17-an de marto. Finance ni eltenas nur dank' al ekstraj pagoj. Eblas eldoni 2 numerojn de "PP". – (2) Elektoj: La asocion provizore prezidos Jan Bemelmans (NL, 592). Retadreso: janbemelmans@tip.nl. – (3) Statuto: plimulto preferas ne postuli minimuman kotizon por la resuma "PP" al interesatoj. – (4) Kampanjo 2000: ni kunlaboru persone aŭ komisione interagante kun naciaj nefum-asocioj, Monda San-Organizo (?), medicinistoj, ekologoj...; verkante/tradukante informbroŝurojn k.s. ("Kiel ĉesi fumi?"); kompilante terminaron/bibliografion; ĉio ĉi por internacia inform-interŝanĝo. – Ĉe SAT-kongreso (Aŭgsburgo 97) informis Jirí Rada. Litovo Alfredas Maruška (KN 1195) instruas, kiel ĉesi fumi (ĵaŭde 11-12h en kuracejo), petas informojn pri ĉiunaciaj metodoj por fumĉesa helpo, zorgos rilatojn kun UMEA. Francisco Simonnet (FR, 3083) sugestas premi instancojn (LKK, kongresejestron, magistraton de Montpellier) efektivigi la fum-malpermeson, i.a. per forigo de cindrujoj. Astrid Hanke (DE, 205) mencias, ke neniu fumis en la KELI-kongreso (Nantes FR). Fine oni alvokis helpi prepari la kunvenon en Berlino (1999). (R. Moerbeek, KN 84)

## Ne sukcesis veni…

Bedaŭrinde tri Esperantistoj el Serba Respubliko de Bosnio kaj Hercegovino ne sukcesis veni al Montpeliero, Francio. "Malgraŭ ke ni havis novajn pasportojn kaj vizon por Francio Hungara polico ne permesis trairi tra Hungario. Pri tio ni informis hungaran ambasadoron en Bosnio kaj Hercegovino kaj ministerion pri eksteraj rilatoj. Tio kio okazis la 31-an de julio gazetoj kaj televidoj nomis skandalo. Nun okazas kontrolo pri kio vere okazas, sed tio ne helpos al ni, ni devis reveni kaj resti en urbo Teslic. Sed niaj penso estas en Montpeliero." (Gradimir Kragic, Aleksandro Sajinovic kaj Igor Milovanovic)

## BONDEZIROJN

Al nia amikino Annick Bertho el Francio (KN 1005) kiu estas nun en hospitalo Saint-Roch pro falo en la ŝtuparo de la hotelo, ni deziras rapidan resaniĝon.

## Ĝustigo

En la artikolo pri IKBE (*Koko* 4, p. 4) bv. legi "Taĝikio" anstataŭ "Azi-centra Rusio".

## Yumeiho-terapio

Kunvenoj okazis lunde kaj merkrede de la 16-a ĝis la 18-a. Partoprenis kelkdek esperantistoj el pli ol 14 landoj. Gvidis d-ro Wlodzimierz Opoka (KN 1794) helpe de d-ro Alfredas Maruška (KN 1195) kaj s-ino Katarina Faragó (KN 2546) pri apliko de Yumeiho-terapio en la mondo kaj prezentado de elektitaj teknikoj de tiu ĉi metodo. Pro granda intereso pri tiu ĉi kuracmetodo necesas organizi multajn kursojn en ĉiu lando, kie oni interesiĝas pri tio. Oni ankaŭ postulis eldoni ĉiujare aktualan adresaron de Yumeiho-terapistoj por sciigi pacientojn, kie estas bone edukitaj fakuloj. Al kelkaj pacientoj oni faris kuracadon kun bonaj rezultoj. Ĝis la revido dum la sekvonta UK!

## Amerika Agado

Kunvenis ĵaŭdon de la 9-a ĝis la 10a30 James Rezende Piton (KN 184), Atilio O. Rojas (KN 663) kaj landaj reprezentantoj por pristudi la situacion de la movado en la amerika kontinento. Reprezentantoj de BR, CL, CU, US, CR, VE, CO, raportis pri atingoj kaj problemoj de la respektivaj landoj. Oni legis la raporton senditan de Meksiko. Oni invitis al la kvara Amerika Kongreso (CO, Bogotá, jan. 99), por kiu eblas aliĝi ĉe Amerika budo (nivelo 0). Disdoniĝis la faldfolio "Norda, meza, suda kaj esperanto-Ameriko". (J.R. Piton, KN 184)

## Virina Agado

Kunsido okazis la 6-an de Aŭgusto (de la 13-a ĝis la 13a45) gvidita de Choi Yun-huy, Hortensio (KN 302). Inaŭguron de Virina Agado kaj diskutadon pri la celo kaj agado ĉeestis 75 homoj. Ni ĉefe diskutis ĉu ni organizu fakan asocion aŭ komisionon sub la gvido de UEA. Kaj ni voĉdonis ke venontjare ni proponu al la Komitato de UEA ke UEA akceptu la komisionon de virina agado. Kaj cetere ĉeestantoj interŝanĝis siajn opiniojn pri la virina agado. Estis kelkaj proponoj jenaj:

- Ŝanĝi la nomon al "Ina Agado".
- En nuna momento sufiĉus tio ke la sciigo de virina movado ekzistas.
- Kunlabori kun neesperantaj organizajoj kaj sendi delegitojn, kiam ili havos kunvenon aŭ kongreson.
- Organizi retojn por ke aktivuloj kune laboru por virina agado.
- Decidi kiel helpi la virinojn kiuj loĝas en evoluantaj landoj.

(Choi Yun-huy, Hortensio, KN 302)

## Internacia Komunikilo

Perfektaj amikoj - internacia lingvo kaj tutmonda komunikilo. Ĉiujare dum la Universala Kongreso membroj de ILERA (Internacia Ligo de Esperantaj Radio-Amatoroj) starigas amatoron radiostacion, kaj vokas ĉirkaŭ la mondo pri la kongreso kaj pri Esperanto. Dum tiu ĉi kongreso, radioamatoroj el 13 landoj vizitis. La stacio uzis specialan voksignon (TM8E), donitan al la sekretario de ILERA, Jean-Jacques Noël (F6ILR) por la semajno de la kongreso. Ni vokas en multaj lingvoj, ĉefe en Esperanto (kompreneble), kaj ankaŭ rusa, germana, franca, japana, angla, kaj pli da lingvoj. Ni ankaŭ kontaktis multajn esperantistojn, kaj parolis esperante. Ni kontaktis pli ol 43 landojn ĝis j audo tagmeze, inkluzive la landojn de la tri sekvantaj Universalaj Kongresoj (Germanio, Israelo, Kroatio). La plej longaj distancoj for de Montpellier estis Rusio, Japanio, Aŭstralio, Brazilo, Argentino, Malajzio, kaj Indonezio. Vi povas viziti la stacion sur la tria etaĝo, kaj vidi la antenon sur la tegmento de la kongresejo. (Daĉjo Harris, KN 2765)

## AOL babilemuloj

La partoprena/i/ontoj de la sabata babilrondo ĉe Interreta servo AOL estas invititaj renkontiĝi vendrede je la 18-a apud la rendevua tabulo. Y. Dumoulin (KN 1054)

## Teatro Krizalido

Restas nur kelkaj ekzempleroj de la teksto de la spektaklo "Meluzina la Granda Feino", okazinte lunde. Teatro Krizalido eldonis nur 50 ekzemplerojn okaze de UK. Vi povas mendi ĝin ĉe la aktorino Solen', kn 2947 – ŝi ofte troviĝas ĉe la budo "Greziljono".

## Ekskursintoj ĉe ekologia loko de Mèze

Partoprenintoj de la merkreda ekskurso al "Ekologia loko" (Ecosite) en Mèze povas ricevi esperantan tekston pri la laguna sistemo por natura akvo-purigado, ĉe la giĉeto "Ekskursoj".

## Jarkunveno de IKEF

**(Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo)**

La ĝenerala kunveno de IKEF okazis en Montpellier je merkredo 5 aŭgusto 1998. Ĉeestis 48 personoj, inter kiuj 22 membroj. La membroj aprobis la jarraporton kaj la financan raporton pri 1997. Estis reelektita Franz Josef Braun kiel prezidanto kaj d-ro Rainer Kurz (Germanio) kaj s-ro Wang Tianyi (Ĉinio) kiel novaj estraranoj. La membroj post diskuto aprobis la projekton de laborplano 1998 ĝis 2000, kiu aperis en *La Merkato* 61 kaj la proponon por ekde 1999 libroteni en eŭroj.

## PROJEKTO INTERKULTURO

Sabate posttagmeze, ekde la 15a horo ĝis la 18a (post la oficiala fermo de UK) dum la tria sesio de "kolokvo" en salono Hodler, oni prezentos kaj pridiskutos plurnacian *lernejan edukprojekton* INTERKULTURO. La projekto koncernas aron da lernejaj klasoj en diversaj landoj, kiuj interŝanĝos informojn kaj dokumentajn materialojn pri siaj regionaj kulturoj, per Esperanto, tra la komputila interreto. Ĝi estos parto de Unesko-programo "Linguapax". Ĉiuj instruistoj kaj interesatoj pri edukado estas varme invititaj ĉeesti la prelegaron kaj debaton. (Maŭro La Torre, itala ILEI-sekciestro, KN 268)

## Ret-Salutoj

Josep Ferrer i Manyà (Barcelono): "Mi deziras al ĉiuj kongresanoj feliĉajn tagojn. Salutojn el Barcelono". – John & Lesley Gallagher (Esperanto Sud-Aŭstralio – la urbo de la pasintjara kongreso): "Kare salutas la kongreson kaj deziras por ĝi ĉiun sukceson kaj feliĉon."

## Hejmpaĝ-adresoj

Hejmpaĝo de Sarlanda Esperanto-Ligo: http://home.t-online.de/home/esperanto; hejmpaĝo de la urbo Pirmasens (Germanio), la **unua** urbo en Germanio kun **oficiala** esperantlingva hejmpaĝo: http://www.pirmasens.de

## Rilatoj inter Judoj kaj Araboj en Israelo

**(kadre de la kongresa temo)**

La prelego okazis jaŭde la 6-an de aŭgusto, je la 9a. Prelegis Josef Semer, KN 259. La preleganto, judo el Israelo, prezentis detale la rilatojn inter la miliono da arabaj (= palestinaj) israelanoj kaj la 5 milionoj da judaj israelanoj. Ĉefe temis pri kulturaj rilatoj.



## IKEL Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj

Raporto pri la unua kunsido lundon 98.08.03 – 16h30-18h00 en la **salono Støp-Bowitz**, pli ol 100 partoprenantoj. Prelegis Jacme Taupiac pri la temo "La malfacila situacio de la Okcitanparolantoj". Post enkonduka atentigo pri aro da precipe fonologiaj/fonetikaj similecoj inter la okcitana lingvo kaj Esperanto, s-ro Taupiac skizis la historion de la okcitana lingvo dum la pasintaj 1.000 jaroj. En la dua duono de la 19-a jarcento F. Mistral (Nobel-premiito pri literaturo 1904) revivigis la konscion pri la okcitaneco. Post la dua mondmilito (1945) estis fondita la Instituto por Okcitanaj Studoj, kiu tre aktivis tra la pasintaj 50 jaroj. Certas ke la okcitana NE estas mortinta lingvo, sed ne estas tute maltrafe supozi, ke ĝi estas mortanta pro la etnocido. Ekzemple la parlamento de Francio decidis, ke la franca lingvo estas la sola de tiu ĉi ŝtato anstataŭ helpi ĝin kaj la aliajn minoritatajn lingvojn. Tamen ekzistas iuj esperoj, ekzemple la "Calendretas", kie ĉi-momente 1.300 geinfanoj lernas ĉion PER la okcitana lingvo. Statistiko konstatis, ke en 1997, 19% de la loĝantoj scipovis paroli la okcitanan lingvon. En la malgrandega Aran-valo apartenanta al Hispanio, la okcitana lingvo estas oficiala kaj ĉiuj infanoj devas lerni ĝin. (Uwe Joachim Moritz, KN 1898)

## La lingvoj, vizia afero – la ekzempla kazo de Francio

Tiu prelego okazis jaŭdon 98.08.06. 9.00 – 10.30. Prelegis Sergi Granier. La preleganto reliefigis la esencan ŝanĝiĝon de la publika opinio en Francio koncerne la "regionaj" lingvoj. En 1994, la ĉefa opini-esplora instituto de Francio montris, ke 93% el la Francoj opinias la "regionajn" lingvojn parto de la Franca kulturo kaj, ke 77% el ili favoras ilian protektadon. Ĝis 1960 tiuj lingvoj estis konsiderataj kiel baraĵo al intelekta evoluo kaj kiel vilaĝaj lingvaĉoj. La franca naciismo evitis instruadon *pri* la enlandaj kaj eĉ pri la eksterlandaj ne-ŝtataj lingvoj, ekzemple pli la tuj najbara kataluna lingvo. Partoprenis pli ol 80 gekongresanoj, el kiuj – pro tempomanko – nur manpleno havis eblecon fari demandojn kaj aldonojn. (Raportis Uwe Joachim MORITZ, vicprezidanto de IKEL kaj gvidanto de la kunveno.)

## *Seminario pri verda politiko*

...okazos post la UK 98.08.09/11 en La Couvertoirade (sud-Franca regiono Larzac). Ni faros duontagan ekologian migradon kaj diskutos laŭ komuna elekto pri :

+ la politikaj gvidlinioj de la EFVP
+ la lingva politiko en la Eŭropa Unio kaj en similaj superŝtatoj
+ Eŭropa Unio ( etendiĝo, EP-baloto '99, eŭro-o)
+ tutmondaj ekologiaj problemoj (dezertigo, arbaroj, maroj,...)
+ traduko de novaj tekstoj pri tutmonda merkato, socialaj normon, ekolog-impostoj, senperforta evitado, solvo de konfliktoj ( parte mi kunportos malnetajn tradukojn).
+ libera merkato de ideoj (du horoj). Kunportu kaj prezentu viajn ideojn kaj proponojn.

Ankoraŭ estas liberaj lokoj. La kotizo estas 80 NLG. Aliĝi eblas okaze de la AVE-kunveno, vendrede 7-an de aŭgusto, je la 10-a, salono Ĝuĝev (Joffre 1) aŭ ĉe la giĉeto de la fakaj asocioj. (Asocio de la Verduloj Esperantistaj - WESTERMAYER, KN 220)

## Konversaciaj rondoj 1 kaj 2

ĉiutage gvidis Atilio Orellana Rojas (KN 663). La temo liganta la sinsekvon de la diversaj lecionoj estas "akvo". La lernantaro havis la okazon pritrakti la temon priparolante akvon sub la formo de pluvo, maro, ĉielarko, riveroj, ktp. La kurso estis vaste vizitata: la ĉeestantaro atingis la nekredeblan nombron de 368 personoj inter ambaŭ grupoj.



**Aliaj Opinioj pri la Okcitana Vespero kun Patrik' – (responde al KN 1098 rilate al artikolo en *Koko* 5)** Certe mi preferus ke oni traduku almenaŭ la titolojn de Patrik', sed ankaŭ la tiuj de la kantoj de Gipsyland. Tamen, mi pensas ke la kongreso devas esti malfermita por la loĝantoj de Montpellier. Do oni ne devas diri ke "li alportis siajn aplaŭdantojn". Mi komprenas la okcitanan lingvon, kaj mi povas diri ke oni trovas la temon de la Universala Kongreso en la kanto de Patrik' "Letero al Fatima". Temas pri "Mediteraneo – ponto inter kulturoj". (KN 2600)

---

Min tre mirigis la negativa opinio de s-no "KN 1098" pri la Nacia Vespero, precipe pri la prezentiĝo de la grupo Saba-Saba kun Patrik'. Mi estis inter tiuj "malantaŭuloj" kiuj "furioze aplaŭdis" dum la koncerto de Patrik', kvankam mi unuan fojon vidis kaj aŭdis lin kaj apenaŭ povus esti subaĉetita de li, pri kio malestime aludis la aŭtorino de "Unu opinio...". La diferencon en percepto kaj reago de la publiko de la unuaj vicoj de la salono disde tiuj de la malantaŭo, kiel mi komprenas, kaŭzis tiu specifo, ke malantaŭajn vicojn ĉiam okupas la homoj pli junaj, pli modestaj, pli popolecaj, do sekve pli emoci-malkaŝemaj. Ĉar Patrik' kun siaj sorĉe belaj kantoj estas vera animo de la popolo de Okcitanio, ne estas mirinde, ke veraj reprezentantoj de siaj popoloj inter la publiko (el ajnaj landoj) tiel admiregis kaj arde reagis. La popola muziko estas ĉiam internacia, ĝi ne bezonas interpretadon, sola interpretisto estas la homa animo. Mia opinio pri la Nacia Vespero estas senduba: ĝi estis la plej brila, la plej memorinda programero de la Kongreso. Grandegan dankon al la organizintoj! Sola domaĝa fakto por mi estas tiu, ke mi ne sukcesis trovi en vendejoj de Montpellier magnetofon-kasedon de Patrik'. Se iu el la kongresanoj povas helpi al mi en tio, mi estus ege dankema. (Ludmila Novikova, KN 2830)

**Eraroj en la listo** (kun nia pardonpeto):

| | | |
|---|---|---|
| 706 | fill-i | **S-ro Hartmut Fillmann**, Reiherswaldweg 6, DE 66564 Ottweiler, Germanio |
| 707 | frid-h | **S-ino Friederike Fillmann**, Reiherswaldweg 6, DE 66564 Ottweiler, Germanio |
| 3014 | rllr-z | S-ino Justine Ralalarisoa, Lot II C 72 FD, MG 101 Antananarivo, Madagaskaro |

**Novaj aliĝoj:**

| | | |
|---|---|---|
| 3095 | hher-s | **S-ro Reza Haji Hassanlou**, No. 227 Ahvasgurbi, 30 metri Salehi, Tehran, Irano |

**Sekvas la Infan-Kongresanoj:**

| | |
|---|---|
| 3096 | **Adi Krasowski**, Pollando |
| 3097 | **Teodora Butan**, Rumanio |
| 3098 | **Kristoforo Resende**, Brazilo |
| 3099 | **Ana-Maria** Pinter |
| 3100 | **Maja Wandel**, Israelo |
| 3101 | **Tali Wandel**, Israelo |
| 3102 | **Lydia Smit**, Nederlando |
| 3103 | **Petra Smidéliusz**, Hungario |
| 3104 | **Kejli Ross**, Britio |
| 3105 | **David Rey-Hudecek**, Kroatio |
| 3106 | **Kamil Reinvart**, Slovakio |
| 3107 | **Bibliána Reinvartová**, Slovakio |
| 3108 | **Hélène Provost**, Francio |
| 3109 | **Jean-Baptiste Osmont**, Francio |
| 3110 | **Kajlo Mills**, Britio |
| 3111 | **Christa Ludwig**, Francio |
| 3112 | **Maja Loskutova**, Rusio |
| 3113 | **Marija Kovtonjuk**, Ukrainio |
| 3114 | **Ludmila Kovtonjul**, Ukrainio |
| 3115 | **Ajman Khamitova**, Kazaĥio |
| 3116 | **István Kerekes**, Rumanio |
| 3117 | **Vitaliu Jasenko**, Ukrainio |
| 3118 | **Simon Humet**, Belgio |
| 3119 | **Matthias Humet**, Belgio |
| 3120 | **Aurore Houviez**, Francio |
| 3121 | **Iva Goddard**, Britio |
| 3122 | **Jean-Philippe Gilbert**, Francio |
| 3123 | **Mici Frank**, Germanio |
| 3124 | **Shanna Dijsktra**, Nederlando |
| 3125 | **Aliĉ Dieumegard**, Francio |
| 3126 | **Noémie Dieumegard**, Francio |
| 3127 | **Izabel Clopeau**, Francio |
| 3128 | **Victor Casquero**, Hispanio |
| 3129 | **Laëtitia Bert**, Francio |
| 3130 | **Marjolaine Bert**, Francio |
| 3131 | **Jérémie Bert**, Francio |
| 3132 | **Dinara Baradosava**, Kazaĥio |

| | |
|---|---|
| 3133 | **S-ino Andrée Mouftier**, 93 rue Ml. Leclerc, FR 59495 Leffrinckoucke, Francio |

## IIK, 84-a UK

Kiu deziras helpi min partoprenigi 2-3 infanojn en la IIK okaze de la 84-a UK en Berlino, bonvolu kontakti min. Antaŭdankojn. (Mihai Trifoi, KN 2418)

## Ĝustigo

En *Koko* n-ro 4 aperis la bondeziroj de la Federacia Kanceliero de Aŭstrio, Walter Klima, kun la mencio ke li estas 'Prezidanto de la Konsilantaro de Eŭropo'. Tio estas grave malĝusta. En la Eŭropa Unio, Aŭstrio havas dum la nuna duonjaro la prezidantecon, kaj en tiu kadro oni diras, ke la aŭstria kanceliero estas 'Prezidanto de la Eŭropa Konsilio'. La Konsilantaro (aŭ Konsilio) de Eŭropo estas tute alia organizo, kiu ne rilatas al Eŭropa Unio. Brian Moon (KN 678), tradukisto ĉe Eŭropa Unio.

## Fonduso Sekureco

### Monsubskribo

La Kastelo Gresillon riskas fini sian agadon pro financaj kialoj. Se vi deziras helpi, vi povas sendi monon pere de la UEA konto: gres-y nome Fonduso Sekureco.Francoj pere de poŝtĉekoj: CCP 14.85.39 P NANTES. Antaŭdankon.
H. Peyrouty (KN 844)




# Kongresa Kuriero



KOKO
N-ro 7

Sabate la 8-an de aŭgusto

83-a Universala Kongreso de Esperanto
* Montpellier *


## Rezolucio de la 83-a Universala Kongreso de Esperanto

"La 83-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Montpeliero, Francio, de la 1-a ĝis la 8-a de aŭgusto 1998, kun 3.133 partoprenintoj el 62 landoj

– salutante la 50-an datrevenon de la Deklaracio de Homaj Rajtoj, kies respekto estis kaj restas esenca kondiĉo de la laboro por Esperanto,

debatinte pri la nuntempaj ideoj kaj laboroj de inter-registaraj kaj ne-registaraj organizaĵoj rilate edukadon al paco kaj al reciproka toleremo, kun aparta atento al mediteraneaj landoj,

– analizinte la kontribuadon de la Esperanto-komunumo, realan kaj potencialan, al tolerema, multkultura mondo,

**Alvokas**

– al Unuiĝintaj Nacioj, al ties instancoj, kaj al ne-registaraj organizaĵoj, ke ili donu pli grandan atenton kaj serĉu eblan solvon pri la problemo de la lingva dimensio de Homaj Rajtoj. Tiu dimensio estas tro ofte preteratentata, kaj tiel la homa rajto plene kaj sendiskriminacie kompreni kaj esti komprenata je internacia nivelo ne povas realiĝi.

– al UNESCO ke, kadre de ĝia Linguapax-programo, ĝi konsideru instruadon de Esperanto por eksperimenti ĝian valoron en la antaŭenigo de interkultura edukado.

– al la landaj kaj fakaj organizaĵoj de la Esperanto-komunumo ke ili intensigu en ĉi tiu spirito kaj en la kadro de la Kampanjo 2000 siajn klopodojn por meti la internacian lingvon Esperanto kaj ĝiajn valorojn je la servo de la evoluo de la nuna mondo en paco kaj toleremo."

## La Nova Estraro de UEA

| | |
|---|---|
| Kep ENDERBY, Aŭstralio | Prezidanto, Kunordigo, Eksteraj Rilatoj |
| Renato CORSETTI, Italio | Vicprezidanto, Kampanjo 2000, Landa Agado, Financoj |
| Michela LIPARI, Italio | Ĝenerala Sekretario, Junularo |
| Petr CHRDLE, Ĉeĥio | Faka kaj Scienca Agado, Instruado |
| Kalle KNIIVILÄ, Svedio | Informado |
| Gbelo KOFFI, Togolando | Afrika Agado, Kulturo |

### La Aŭkcio

La aŭkcio sukcese disvolviĝis sub la gvidado de Osmo Buller kaj Diccon Mastermann. La plej furoraj venditaĵoj estis ekzemplero de la Kongresa-Libro de la 1-a UK en Boulogne-sur-Mer kontraŭ 2.100 FRF, kaj fotoalbumo de Bulgaraj Esperantistoj kontraŭ la sama sumo. Tutcerte la plej ĉarma aŭkciaĵo estis glaciaĵo en akompano de la nepo de Zamenhof, s-ro Ludoviko Zaleski-Zamenhof kontraŭ 1000 FRF. (Atilio Orellana Rojas, KN 663)

Bonan Vojaĝon Hejmen !

### La kvizo

Vendrede je la 13.00 ariĝis ĉ. 70 scivoluloj en salono Schwartz. Kvar triopaj teamoj konfrontiĝis en tri raŭndoj, sub la senkompromisa demandado de Brian Moon. Fine teamo "Klinikuloj" (J. Le Puil, J. Vincent, R. Cash) venkis kaj forportis la libropremiojn.

**Reago al Koko 6**

"Skribi ke la simbolo de Francio kantas kun la piedoj en fekajo estas ĉu fuŝa spritajo, ĉu eksterordinara dirmaniero por danki la francojn ricevintajn la 83-a UK. La klarigo pri la signifo de la koko en *Koko* 6 (p.1) estis nenecesa aldono, kaj fakte ankaŭ eraro, ĉar la plimulto de la kokoj en Francio ne staras en fekajo sed sur la sonorilturoj de la francaj preĝejoj. (KN 1009)

**Respondo de LKK-ano pri *Koko***

"Ne temis pri *danko*, sed ia klarigo pri nia titolo. Krom ke 'K.K. = KoKo', koko *ja* estas simbolo de Francio. Ĝusta frazo estu 'sola ... ankoraŭ kapabla kanti kvankam piedoj en fek". Krome, Francio ne havas nur preĝejajn sonorilturojn, sed ankaŭ urbodomajn, k.a." (KN 99)

## Pri retpoŝto

Jam alvenas la lasta tago. Mi deziras informi ĉiujn kongresintojn ke rete alvenis multaj respondoj pri malsukceso. Multaj retadresoj uzitaj estis malĝustaj. Venis ankaŭ kelkaj mesaĝoj sen kongresnumero, kiujn mi tute ne povis transdoni al la ricevinto. Tiujn mi afiŝis en la koridoro. Vi povas rigardi, ĉu tio koncernas vin. Alvenis eĉ aldonaĵo en Word-formato kiun mi ne povas legi per mia Word-7 (eble tro malnova, jam!). Tiu servo, tamen utila, estis vere granda zorgo, do onte ĝi ne ekzistu en la samaj kondiĉoj. Sed tamen mi opinias ke ĝi estas utila, do mi fidas la ontajn LKK-ojn por trovi pli bonajn manierojn tion organizi. Verŝajne, se ĝi ekzistos, oni pagigos ĝin, kaj tio estos normala. Ni lernu de la ĉi-jara sperto. Kompreneble, la mesaĝojn kiuj alvenos sabate posttagmeze mi nur metos rubujen, krom se ili rilatas al gravaj aferoj de UEA.

## Sesa Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo

(sub aŭspicioj de Hispana Esperanto-Muzeo).

De la 3-a ĝis la 10-a de oktobro 1998 en Calafell (Tarragona), Katalunio, Hispanio. Carla de Lorenzi gvidos kursojn por komencantoj kaj por progresantoj. Informoj: Hispana Fervojista-Esperantista Asocio, Apartado 15027, ES 08080 Barcelona, Hispanio.

## IKU 8

### Ĉu ni estas solaj?

Ĝi okazis ĵaŭde la 6-an de aŭgusto de la 13.45 ĝis la 15-a gvidita de Amri Wandel. La temo estis: "La serĉado de vivo ekstertera". Pli ol 200 kongresanoj ĉeestis tiun lastan prelegon de la Internacia Kongresa Universitato. Ne temis pri NIFO, sed pri lumbilda vojaĝo tra la planedoj kaj steloj kie eble povas ekzisti vivo, kaj poste scienca traktado de la demandoj kiom da civilizacioj povus ekzisti en nia galaksio, kiel eblas ilin serĉi, kaj fine per kiu lingvo eblus komuniki. Oni aŭdis ke la respondo al la demando "kiom da civilizacioj ekzistas" dependas de pluraj faktoroj, ne ĉiuj konataj, kaj tial varias inter "multegaj" kaj "krom ni eĉ ne unu". Tiu ĉi prelego, kiel ankaŭ la ceteraj prelegoj de IKU estas troveblaj en la IKU-libro, aĉetebla en la libroservo.

## IKUE

### Internacia Katolika Unuigo Esperantista

Kunveno okazis jaŭdo je la 16a30 gvidita de s-ro Bessière (KN 110) kiu ankaŭ prelegis. Prelegetis P. Bourdon. Temo: La situacio de IKUE kaj ĝia estonteco. Raporto pri la 13-a ekumena diservo en Nantes.

## Okcitana eksprese

Por ke vi ne devu hejmeniri sen memoro pri la lernita aŭ lernota okcitana, la lernolibro „Kelkaj paŝoj en la okcitana" estas denove havebla en la libroservo.

## Gej-Lesba Esperanto-Asocio

Dum sia jarkunveno, Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (LSG) ŝanĝis sian nomon al GLEA (vidu supre). La prezidanto daŭre estas prof. John Wells; la nova sekretatrio estas Graham Blakey (KN 2168).

## IKEK

Jaŭdon la 6-an de aŭgusto 1998 okazis kunveno de Internacia Komunista Esperantista Kolektivo (IKEK). 50 samideanoj el 11 landoj partoprenis ĝin. Temis interalie pri ĵusa kontrakto inter UEA kaj IKEK kaj pri la venonta konferenco de IKEK en Durban-Corbières (Francio) tuj post la UK (inter la 9-a kaj 11-a de aŭgusto 1998. (Vincent Charlot, KN 2825)

## Internacia Komitaro por Etnaj Liberecoj

Membrokunveno publika okazis la 5an de aŭgusto 1998 de la 10h45 ĝis la 12h15. Gvidis Uwe Joachim Moritz. Temis pri laŭstatuta membrokunveno (raportoj, elektoj,...). La ĝisnuna estraro estis unanime malŝarĝita. La nova estraro konsistas el prezidanto : Daniele Vitali (padiano), vicprezidanto : Uwe Joachim Moritz (platdiĉo), kasistino : Ursula Schnelle-Moritz (platdiĉino), geestraranoj : Anita Perec Altherr (slovenino), Hoŝida Acuŝi (japano), Alain Favre (savojano). Partoprenis 10 gemembroj kaj proksimume 30 gastoj. Raportis UJM KN 1898

## Rondo Kato

Kunvenis vendrede je la 15-a; ĉeestis ĉ. 80 anoj kaj scivolantoj. La kunveno decidis unuanime sendi bondezirojn por resaniĝo al fidela membro Jan Dginski. Prezidis Marjorie Boulton; detale raportis Ingrid Näsholm. La kunveno reelektis la komitaton kaj elektis novan komitatanon, Werner Pfennig (Germanio). Nun Rondo Kato havas proks. 120 anojn. Pluraj personoj prezentis diversajn problemojn, informojn, konsilojn, kiuj ofte konfirmis ke katoj estas tre individuecaj kaj sendependaj. Aniĝoj kaj prikataj konversacioj daŭris eksterĉambre longe post la rezervita tempo!

## Afrika Agado

Estu dankantaj la kontribuintoj kiuj mondonacis ĉe la budo pri Afrika Agado. Estis kolektitaj 1.252 FRF. Tiu sumo mildigos la vojon de la afrikanoj hejmen laŭbezone.

**Korekto en la Kongresa Libro:** Paĝo 156, plejsupre: "Johanna 1131" devas esti "Verheijen 1131".